XIª jaro. Nº 162 (3) ⋆ Duonmonata ⋆ 20 februaro 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Lukso eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La Popolaj Universitatoj

III

Simila] al la superaj popolaj universitatkursoj estas la kursoj, kiujn la publikinstruada fako de New-York aranĝis en ĉiuj kvartaloj de la Usona urbego. Sed oni povas diri, ke la ideo estis plej bone aranĝita en la norvegaj laboristaj akademioj.

La laborista akademio de Kristiania ŝuldas sian naskiĝon al sempera iniciato de la laboristoj. Estis elektita komitato, kiu interrilatis kun la ministro de publika instruado kaj de ĝi ricevis gravajn monsumojn por la realigo de la projekto. Tiamaniere multaj sistemaj kursoj povis malfermiĝi en la kvartaloj de Kristiania. La ekzemplo estis imitita en aliaj lokoj; nuntempe ekzistas en Norvegujo pli ol 70 laboristaj akademioj, el kiuj 40 en urboj kaj 30 en kamparaj lokoj. En 1906 la meznombro de la aŭskultantoj po parolado estis 200 en la urboj kaj 120 en la kamparo; de tiam la ciferoj kreskis. En Kristiania la 220 paroladoj de 1906 kunigis 42.000 aŭskultantojn.

Por fiksi la ideojn parole transdonitajn, oni donas al la ĉeestantoj resumon de la temo, redaktitan de la paroladisto mem, en klara kaj facile komprenebla formo. En Kristiania oni krom tio disdonas revueton de scienca popola klerigado; ĝi celas instigi la aŭskultantojn je la ellernado de la traktitaj temoj.

En Finnlando du societoj de popola klerigado, unu sveda kaj unu finna, vigle laboras kaj organizas paroladojn kaj kursojn en ĉiuj urboj. La Finna parlamento konsentas al ili gravajn monhelpojn. Certe estas, ke grandparte al la agado de tiuj societoj estas ŝuldata la penetrado de la moderna penso ĉe la finnan popolon, kiu kreskigis la moralan forton de nacio kaj sekve helpis al la konservado de ĝia anima individueco.

* * *

Ĉiuj tiuj kursoj certe helpas al la intelekta pliboniĝo de la popolamasoj; sed ili ne plene respondas la aspirojn de la proletaria elito, kiu deziras pli aktive partopreni je la scienca laborado, atingi la suprojn de la alta moderna kulturo kaj, ofte ankaŭ, sin altigi ĝis socia situacio pli konforma al siaj kapabloj.

Tiuj bezonoj estas kontentigeblaj nur en malmultaj modelaj institucioj. Tiuj institucioj, la solaj, kiuj reale meritas la nomon popolaj universitatoj, estas kelkaj Usonaj institutoj, la Volksheim en Vieno, kaj, en alia fako, la altaj popolaj lernejoj de Danujo.

Du tipajn ekzemplojn de la Usonaj institucioj prezentas al ni la Drexel Institute de Philadelphia kaj la Brooklyn Institute of Arts and Sciences. La unua celas liveri superan profesian instruadon al la personoj, kiuj volas fariĝi pli kapablaj laboristoj. Inter la prilinstruitaj temoj ni citos: desegno, pentrado, modelado, ktp. — elektro, mekaniko, ĥemio, ktp. — komerco, librotenado, stenografado, ktp. — hejma ekonomio kun praktikaj ekzercoj — kudrado, vestotranĉado, modoj — artoj kaj sciencoj — instrumenta muziko, ktp.

En Vieno kreiĝis, sekve de la popolaj universitatkursoj, du veraj altaj popollernejoj nomataj Volksheim (popolhejmo), kiuj respondas la necesecon de pli intensa laboro en la di-

versaj sciencfakoj, de pli intima kontakto inter instruantoj kaj instruatoj, kaj de pli persona aktiveco de la lernantoj. Multaj aŭskultantoj de la filozofiaj kursoj deziris esti gvidataj por siaj filozofiaj legadoj; aliaj, ĉeestantaj la lecionojn de historio, deziris atingi la fontojn (eĉ nur en tradukoj) aŭ pli antaŭen penetri en la komprenon de la malproksimaj epokoj kaj de la kritikmetodoj per kiuj oni restarigas ilin; aliaj deziris, per pli profundaj studoj de matematikoj, pli multe konatiĝi kun la grandaj fizikleĝoj; aliaj, fine, deziris mem observi, per mikroskopo, la strukturon kaj la vivon de la vegetajoj. Por tiu celo estis kreitaj ambaŭ popolhejmoj; la unua ekzistas jam 12 jarojn kaj, de 7 jaroj, posedas propran konstruajon, kun laboratorioj de fiziko, ĥemio, eksperimenta psikologio kaj natursciencoj, ĉambroj por la laboroj de historio kaj politika ekonomio, biblioteko, ktp. Tiu entrepreno kalkulas pli ol 2000 studentojn, kiuj tie pasigas kelkajn vesperojn semajne kaj akiras realan sciencan kulturon.

En la sama institucio estas ankaŭ instalita la legoĉambro kaj la biblioteko (pruntedonanta librojn hejmen) de la societo por popola instruado. Tiu ĉi organizas, en la ĉambroj de Volksheim, kursojn de popola scienco, paroladojn kaj koncertojn. Studentoj kaj instruistoj tie donas elementan instruadon kaj lecionojn de vivantaj lingvoj. Ĉio tio kreas viglan movadon kaj instigojn al pluaj progresoj.

Kelkaj ciferoj montros la gravecon de la Viena Volksheim. En 1912 okazis 147 sistemaj kursoj, kiujn vizitis 4680 personoj. La biblioteko enhavas 5000 verkojn. La nombro de la pagantaj membroj atingas 2655, la jaraj enspezoj 63.000 frankojn, kaj la aktivo 396.000 frankojn.

La kontakto inter instruantoj kaj instruatoj estas tiel intima, kiel oni esperis. La deziroj de tiuj lastaj estas proponataj al la direkcio per speciale elektitaj delegitoj; aliaj el iliaj delegitoj zorgas pri la bonordo. La lastan jaron, la Volksheim konstruigis en la montoj de Semmering, proksime de Vieno, domon, kie povas restadi dum kelka tempo la lernantoj, kiuj deziras fari natursciencajn esplorojn. Al tiu domo, kiel al la Volksheim mem, estas aneksata abstinenca restoracio. Alia pruvo pri la vivkapablo de la Viena Volksheim estas la jam citita fakto, ke en alia parto de Vieno oni devis konstrui duan popoldomon por malpliplenigi la alian, kiu ne plu sufiĉis por la multnombraj aŭdantoj, kaj ŝpari la tempon de la malproksime loĝantaj lernantoj.

Samvaloraj kiel la Viena Volksheim rilate al la instruado, sed tre malsamaj laŭ aliaj vidpunktoj, estas la altaj popolaj lernejoj en Danujo.

Tiuj lernejoj estas destinataj precipe por la kamplaborista junularo. Ekzistas 70 en urbetoj kaj en vilaĝoj. La knabaj kursoj okazas de la 1 novembro ĝis la 1 aprilo, t. e. dum la jarperiodo, kiam preskaŭ tute ĉesas la kamplaboroj. La lernantoj, kiuj pasigas preskaŭ la tutan tagon en la lernejo ne suferas de tio ian materian malprofiton, ĉar ili estas en la senlabora sezono. Tiel, okazis, ke tiuj lernejoj estas vizitataj de ĉirkaŭ kvarono de la junaj danaj kamplaboristoj. La kursoj por junulinoj, ankaŭ tre multaj, daŭras de la 1 majo ĝis la 1 aŭgusto. La kosto por la instruado, nutrado kaj loĝado estas 48.75 frankoj monate, sed multaj lernantoj ricevas de la ŝtato premiojn kaj duonpremiojn.

La instruado temas precipe pri natursciencoj, sed la ĝeneralan kulturon oni ne flankelasas. La pure profesia instruado restas rezervata al la specialaj lernejoj. Sed la popolaj universitatoj, pro la ĝenerala kulturo, kiun ili instruas, estas bonega bazo por la pure teknika instruado. Se Danujo estas nuntempe dank'al siaj agrikulturaj kooperativoj, unu el la plej riĉaj landoj de l'mondo, tion ĝi parte ŝuldas al siaj altaj popolaj lernejoj, kiuj sciis komprenigi al la lernantoj la utilecon de la kooperado kaj donis al ili la necesan intelektan maturecon, por pasi de la ideo al la agoj.

* * *

Jen estas do riĉa trezoro de ekzemploj kaj spertoj, el kiu la progresemuloj povas ĉerpi por realigi tipon de popola universitato, kiu respondas al ĉiuj antaŭe nomitaj postuloj, t.e. disvastigos la intelektan kulturon inter la popolamasoj, faros el ili subtenantojn de la elito kaj kunlaborigos por la civilizado ĉiujn talentulojn de la popolo.

Tiu popola universitato devus esti sintezo de ĉio, kio estas bona en la diversaj studitaj sistemoj. Ĝi unue devus enteni vastan vicon de popolaj paroladoj pri diversaj sciencaj temoj, laŭ la maniero de la francaj kaj italaj popolaj universitatoj. Per tio oni respondus al la deziroj de la laboristoj, kiuj je la fino de l'labortago deziras sanigan intelektan eksciton; oni efike delikatigus ilian mentalecon. Krom tio la simpla scivolemo, la deziro aŭdi tian aŭ alian konatan paroladiston, certe varbus al la popola universitato novajn rekrutojn en la medioj, kie la bezono de moderna kulturo ne ankoraŭ penetris. Por la laboristoj, kiuj volus pliprofundigi la studadon de la sciencoj, de la literaturo kaj de l'artoj, oni devus aldoni al tiuj paroladoj, sistemajn kursojn similajn al la popolaj universitatkursoj, kiuj ekzistas en Aŭstrio kaj Germanujo, aŭ al tiuj, kiuj estis starigitaj en Usono, en Belgujo kaj en Norvegujo. La personoj, kiuj vizitus tiujn kursojn, havus konojn sufiĉajn por ke ili fariĝu, kiel legantoj de verkoj, kiel vizitantoj de ekspozicioj, kiel amatoroj de bona muziko, komprenema popolamaso, kiu instigus la kreemajn spiritojn al plua aktiveco.

Fine, por ke la talentoj povu manifestiĝi, oni devus aneksi al la sistemaj kursoj instituciojn similajn al la Viena Volksheim, kun bibliotekoj kaj laboratorioj vespere malfermataj kaj permesantaj seriozan personan laboradon. Je la fino de la lernojaro, ekzamenoj konigus la plej kapablajn, la plej diligentajn lernantojn; tiuj ĉi ricevus premiojn (similajn al tiuj de Nova Zelando), por ke ili povu daŭrigi siajn studojn en duagradaj popoloj lernejoj, kies programo estus tiu de la jam ekzistantaj tiaj lernejoj, sed senigita je ĉia senutila balasto.

La kursoj de tiuj lernejoj povus okazi precipe vespere, por ke la laboristoj, kiuj malgraŭ siaj kapabloj ne povus havi premion aŭ havus nur duonpremion, povu ilin viziti kaj tamen daŭrigi sian profesian laboron. Tiu institucio de la vesperkursoj jam estis sukcese provita, kiel montras la usonaj Evening High Schools, dank'al kiuj tiel multe da manlaboristoj povis atingi pli altan profesian agadon. En la kamparo, la kursoj de la duagradaj popolaj lernejoj devus, kiel en Danujo, okazi dum la vintro. Tiamaniere la premioj difinitaj por kompensi al la lernantoj la perdon de ilia salajro estus sumo sufiĉe modesta.

Fine de la kursoj, kiuj daŭrus plurajn jarojn, la plimulto de la lernantoj reirus al la profesioj de la praktika vivo, ne ŝanĝante metion, sed fariĝante oficistoj anstataŭ simplaj laboristoj. Aliaj povus fari tiel, ke ilia klereco profitu al la klaso, de kiu ili devenas; ili fariĝus ekzemple sindikataj sekretarioj, direktoroj de entreprenoj de popola klerigado, ĵurnalistoj, k. a. La individuoj, kiuj dum la kursoj kaj ĉe la finaj ekzamenoj, montrus tute specialajn kapablojn por la sciencaj esploroj (kiel en Nova Zelando) ricevus monon por fini siajn studojn en la ŝtataj universitatoj. Ĉar tiu elito estus la rezultato de elekto inter tre multaj lernantoj kaj entute reprezentus intelektan selektadon de la popol-

amasoj, oni povus antaŭvidi, ke tre verŝajne multaj eminentaj scienculoj devenus de la popolo kaj estus pretaj doni por la progreso kapablojn, kiuj sen tio estus perditaj.

*R. Broda,*
Fondinto de la Internacia Instituto por la interŝanĝo de la socialaj spertoj.

Trad.[1] *A. R.*

[1] El „*Les Documents du Progrès*".

 SOCIA VIVO 

## La nova ĉefurbo de Aŭstralio

II

Kiam la federala teritorio efektive pasis al la registaro, ĝi anoncis tra la tuta mondo, ke premioj estos donataj por la tri plej taŭgaj projektoj por la estonta urbego. Kvar kompetentuloj estis komisiitaj (ĉiu havis rekompencon de 2000 Sm.), por ekzameni la 164 projektojn ricevitajn. La juĝo estis farita en majo 1912. La unuan premion de 17.500 Sm. ricevis W. B. Griffin, arkitekto el Chicago, la duan de 7500 Sm. gajnis Eliel Saarinen, el Helsingfors, kaj la tria de 5000 Sm. iris al D-ro Alfred Agache, Parizo (Esperantisto). La kompetentuloj ne plene interkonsentis kaj unu el ili tiel fervore laŭdis kvaran projekton, kiu eventuale provis esti aŭstralia produkto, ke ĝi estis aĉetita por 4000 Sm. Sekve, la projektoj, ĝis ĉi tiu tempo kostis al la federacio ne malpli ol 42.000 Sm. Tiam oni starigis komitaton de aliaj spertuloj — arkitektoj, inĝenieroj kaj termezuristoj — kies devo estis elekti la plej bonajn punktojn el la kvar supre diritaj projektoj kaj kombini ilin en unu definitiva projekto. Tuj evidentiĝis, ke kontentan decidon oni ne trafos tiamaniere, kaj la registaro invitis S-ron Griffin, gajninton de la unua premio, viziti Aŭstralion, por vidi la lokon kaj informiĝi pri la specialaj kondiĉoj. S-ro Griffin alvenis en Aŭstralion meze de 1913; vidinte Canberra kaj farinte negravajn ŝanĝojn en sia projekto, li sukcesis konvinki la ministron de enlandaj aferoj, ke la projekto plene taŭgos por modela moderna ĉefurbo. Oni dungis S-ron Griffin dum tri jaroj por kontroli la antaŭlaborojn kaj por doni informon al la registaro dum la fruaj jaroj de la konstruo. S-ro Griffin reiris al Usono por aranĝi siajn proprajn profesiajn aferojn kaj revenos en Aŭstralion komence de la nuna jaro.

Oni devas memori, ke la tasko de la arkitekto ne estis prepari la detalojn de la diversaj registaraj konstruaĵoj; lia devo estis aranĝi la situacion de la publikaj domoj, grupigi ilin laŭ ilia graveco, zorgi pri la vojoj, la fervojoj, la parkoj, fari plenan uzon de ĉiuj naturaj bonaĵoj, sed, super ĉio, certigi, ke la urbo, kiun li konstruos, havos eblecon kreski plene kaj nature, ĉiam konforme al la originalaj ideoj. En la Griffin'a projekto la rivero Molonglo ludas gravan rolon, la urbo dispartiĝas laŭ tri lagoj, parkoj kaj bulvardoj. Ĝuste kontraŭ la centra lago, sur la deklivo de la suda bordo, estas la oficiala kvartalo. Meze staras la Kapitolo, kaj la ceteraj oficialaj konstruaĵoj etendiĝas ĝis la lago, la vojoj etendiĝantaj en okangula formo ĉirkaŭe. Bela loĝeja antaŭurbo kuŝas ĉe unu flanko, kaj sur la kontraŭa deklivo estas disigitaj en linioj laŭ la konturo de la tero, la urba centro, la universitato kaj la industria centro, ĉiuj laŭ la sama ideo de radiantaj stratoj, kun ligantaj transpasaj vojoj. Ĉio estas tiel aranĝita, ke la urbego povus etendiĝi kaj ankoraŭ akordi kun la sama formo. La fervojo eniras malantaŭe, tra la industriaj, negocaj kaj vendejaj kvartaloj en konvenan centran lokon sur la laga bordo. El la Kapitolo eliras la grandaj vojoj, kiuj estos la rektaj arterioj de interkomunikado inter la diversaj kvartaloj de la urbo, kaj plej larĝe konservas la supre diritan ideon de radiantaj stratoj, kiuj troviĝas en la sendependaj kvartaloj de la urbo.

Rigardate de grandamasego de parlamentanoj kaj eminentuloj, la inaŭgura ceremonio de la unua ŝtono estis tre brila spektaklo. La 12 marto 1913, sur deklivo de la monteto Kapitolo, kontraŭ la parlamentaj domoj lia moŝto Lord Denman, Guberniestro, metis la fundamentajn ŝtonojn. Tiam lia edzino, Lady Denman, anoncis, ke la nomo de la estonta urbo estas Canberra, kaj oni rajtas tiel nomi ĝin de nun. La komenca kolono estas alta 7.62 metrojn. La bazo konsistas el ses granitaj pecegoj, kiuj estas figurado de la ses ŝtatoj de la federacio. Ĉiu pecego estis elterigita el la ŝtato, kiun ĝi reprezentas kaj ĉiu estos taŭge surskribita. Sur la bazo estos kolono subtenanta kornicon, kiu figuras la Federacion. Super ĉi tio estos granita obelisko, kiu prezentos la Britan Imperion kaj kies kvar flankoj estos metitaj al la ĉefaj punktoj de la kompaso. Oni elektis graniton anstataŭ marmoro pro ĝia pli longa daŭro.

Kion oni jam faris? Oni konstruis loĝdomon por la okupado de la administranto de la teritorio, sidejon por la oficiala stabo, kaj loĝejojn por la Reĝaj militlernantoj, krom lernejo por la infanoj de la homoj nuntempe okupataj pri la diversaj laboroj ĉe Canberra. La termezurado por la fervojo inter Queanbeyan kaj Canberra estas preskaŭ kompleta. Du el la sep mejloj de la granda akvotubo, kiu kondukos akvon por uzado en Canberra el la rivero Cotter, jam kompletiĝis, kaj oni esperas, ke la laboro finiĝos frue en 1914. La brikejo, kiu estis fondita ĝuste ekstere de la urblimo, kiam ĝi funkcios ĝis sia plena povo, povus fari dekkvin milojn da brikoj ĉiujare. Jam estis faritaj 850.000 brikoj; la plimulto da ili estos uzita por konstrui la kloakan sistemon. Duono da miliono estas rezervata por la konstruo de 600-kilowata elektra povodomo ĉe la flanko de la Molonglo. Kontentiga progreso jam estis farita pri la fundamentoj. Tiu liveros povon por la akvolevanta aparato, por lumo kaj por funkciigi la maŝinarojn en la brikejo kaj la cementejo. Oni provizis 200.000 Sm. por tiu elektra aparato. La akvosistemo kostos 2.100.000 Sm. La efektiva komenco de la urbo okazos nur post kiam la provizora akva sistemo kaj kloakaj aranĝoj estos pretaj por la multenombraj laboristoj, kiuj estos okupataj ĉe Canberra. Post nelonge la registaro petos projektojn por la Parlamentaj domoj, la Registaraj oficejoj, ktp. Tre altvaloraj premioj estos donataj kaj la templimo permesos, ke arkitektoj disigitaj tra la tuta mondo povu partopreni en la konkurso.

Ĉi sube estas listo de la salajroj pagitaj nuntempe en Canberra: laboristo (ne spertulo pri ia metio) 4.25 ĝis 4.50 Sm., ĉarpentisto 6.50 ĝis 7 Sm., masonisto 7.50 Sm., plumbisto 6.50 Sm., dompentristo 6 ĝis 6.50 Sm., stukisto 7 Sm. Ĉio ĉi estas por unutaga laboro dum ok horoj. Homo ne akompanita de sia edzino povas sin nutri je kosto de nur 7.50 Sm. po unu semajno.

Ĝis la 15 julio 1912 la mono elspezita ĉe Canberra estis 845.000 Sm. Ĝis la 25 novembro 1912 1.976,960 Sm. Ĝis la 30 novembro 1913 2.257,390 Sm. La mono apartigita por elspezoj dum 1914 estas 2.850.000 Sm.

*Ch. W. Ballard,* Malvern (Aŭstralio).

# El la lastaj notoj de moderna heroo

Jus pasis du jaroj de la tago, en kiu la tuta inteligenta mondo estis surprizita per raporto, ke la populara angla kapitano Robert Falcon Scott, kiu la 1 junio 1910 forveturis sur la vaporŝipo „Terra Nova“ por atingi la sudan poluson, pereis per terura morto[1].

Oni pri lia sorto de longe sciis nenion; ĉar de februaro 1911 alvenis en Anglujo neniu raporto, kiu alportus iun radion de lumo en la silento.

La ekspedicio de Scott estis tute moderne aranĝita; mankis nek nutraĵoj, nek kuraĝaj homoj, nek sufiĉe da aranĝoj kontraŭ la frosto. La kondukanto mem, sperta polusa esploristo, kaj lia preskaŭ nedetruebla energio, garantiis duonon de la sukceso.

La sukceso estis fine memkompreneble tuta: la suda poluso estis atingita! sed ĉiuj kvin plej kuraĝaj homoj, kiuj en plej teruraj kondiĉoj deflankiĝis de la ĉefa ekspedicio, trovis heroan morton.

Ĝuste en la tagoj, kiam bohema librovendejo de Otto komencas eldonadi grandan duvoluman priskribon de la vojaĝo pri la lasta ekspedicio de angla kapitano Scott, eliris en Londono simila verko: „Lasta ekspedicio de kapitano Scott“, kie estas kolektita kaj prilaborita la riĉa taglibra materialo de la malfeliĉa heroo. Egale kiel la angla originalo estos memkompreneble nia bohema eldono. La unua volumo enhavos notojn de Scott, la dua estos libera rakontado de amikoj de Scott, eĉ de liaj kunvojaĝantoj, kiuj el diversaj ĉirkaŭaĵoj de suda poluso reiris, kiam jam estis certe evidenta, ke la tuta ekspedicio ne povas atingi la poluson.

En tiuj taglibraj notoj de R. F. Scott, kiel ilin publikigas la angla originalo, estas priskribita unu el la plej kortuŝantaj tragedioj de moderna heroo. Kun plej belaj esperoj, en plena sano kaj animaj ĝojoj ĉiuj forlasis la 1 julio 1910 la Londonan havenon, sed jam en decembro komencis persekuti ilin malfeliĉo post malfeliĉo. La mara malsano limigis la laboron de iuj membroj de la ekspedicio, el kiuj ĉiu havis sian laboron. Difekto de la ŝipo, en kiu minace eniĝis akvo, estis la unua terura momento de la vojaĝo. Neantaŭvideblaj perdoj de hundoj, iloj kaj manĝaĵoj, kiuj okazis dum teruraj ventegoj, efikis ankaŭ tre malfavore, ĝis fine alproksimiĝis la teruraj glaciaj amasoj kaj montoj, tra kiuj ili ne povis plu veturi per la malliberigita ŝipo. Kaj tie ĉi komenciĝas tiu historia komenco de la katastrofo de kvin anglaj herooj kun R. F. Scott en frunto. Ili resendis la ŝipon kaj iris mem al la suda poluso, tirinte post si pezajn glitveturilojn kun manĝaĵoj kaj objektoj.

Terurega vojaĝo! La ekspedicio ĉiutage iras dekdu horojn, heroe antaŭen, sentime kontraŭstaras al bataladoj kontraŭ teruraj neĝuraganoj, kontraŭ la akrega ventego polusa, kiu kiel raziloj eniĝas en la tutan korpon. Scott kaj liaj kunuloj promesis reveni nur kiam ĉe la poluso staros la angla flago, tiel, kiel feliĉa Peary starigis sian usonan standardon en la poluso norda!

Fine ili atingas tiun ĉi historian momenton en plej granda ekscito; ili atingas la poluson la 16 januaro 1912 — sed kia bato atendas ilin ĉi tie! La sudan poluson atingis *antaŭ* ili pli feliĉa Amundsen! El notoj de Scott, plenaj de malespero, ni ekscias, ke en tiu ĉi nokto de 16/17 januaro, pro ĉagreno, neniu el ili dormis. Kaj poste li skribas: „Poluso! Sed en kiuj cirkonstancoj! En tute aliaj ol ni imagis! Ni havis teruregan tagon... Kun temperaturo de —42°, kun kunuloj, devigitaj rampi antaŭen, kun frostigitaj piedoj kaj manoj... Salutu Dio! Terura, kaj terurega loko por ni, kiun ni fine atingis sen la merito, ke ni estas ĉi tie la unuaj! Cetere eĉ tio estas io, atingi tiun ĉi lokon. Nun restas por ni nur senespera batalo por reveni. Mi estas tuta ekscitita per la atendado, ĉu ni revenos“.

Tio estas nur antaŭparolo al tuta komenciĝanta tragedio. Scott ne malesperas; li ĝojas nur pri la rezultato de riĉaj spertoj, kiujn atingis lia ekspedicio; fine, li tamen atingis la poluson certe el aliaj flankoj ol Amundsen. Kaj li skribas, notas! Lia notlibro el tiuj momentoj estas plena de plej fervoraj notoj. Sed poste alvenas la terura komenco de la fino. La revenan marŝon de la kvin herooj malfaciligis neĝventegoj; ili erarvagas, batalas kontraŭ la plej malbona malamiko. La esploristoj estas senfortigitaj, sed kiam ĉiuj falas en dormon, Scott prenas plumon kaj skribas, por ke li konservu al la mondo precizan priskribon de siaj eltrovaĵoj kaj ĉiuj okazintaĵoj.

Baldaŭ ĉiuj komencis antaŭsenti sian finon. Unu el la plej kuraĝaj kunuloj mortas..., post unu semajno dua. La furiozeco de la ventego fortiĝas; ĝi atingas plej altan gradon de frenezeco; frosto estas —43°. Kaj Scott vidas, ke jam tria lia kunulo ekraŭkis en sia fela sako lastfoje; en la tendo li sidas jam kun sia lasta kunulo, ambaŭ duonmortaj. Ventego furiozas neĉesas, mankas fajro, manĝaĵo perdita en la neĝo eĉ kun neĝveturilo. Mortas eĉ la plej kara amiko de Scott „Birdo“, provizejestro de ŝipo, leŭtenanto Bowers — kaj Scott prenas lastfoje la taglibron, por ke per leteroj, kiujn eble oni trovos, ĉiuj amikoj sciu, kiel heroe, sentime kaj sindoneme mortis iliaj plej karaj. Al vidvino de sia amiko Wilson li skribas:

„Se vi ricevos tiun ĉi leteron iam, estos viva nek mi nek Bill. Jam hodiaŭ ni estas proksimaj al fino, tre proksimaj, kaj tiel mi volonte raportus al vi pri tio, kiel belege li mortis, gaja ĝis sia fina momento, kaj preta oferi sin por aliaj. El lia buŝo eliris nenia vorto de maldolĉeco kontraŭ mi, kiu lin alkondukis ĉi tien. Li ne suferas... Liaj bluaj okuloj aspektas belege, per espero, kaj lia animo ĝojiĝas sin per kredo, ke estos peceto de Eterneco. Mi ne povas vin pli bone ĝojigi, ol dirante al vi, ke li mortis tiel, kiel li ĉiam vivis: kiel brava, fidela viro, plej bona el la kunuloj, plej fidinda el amikoj. Tuta mia koro disfluiĝas per kompato al vi...“

Al Sinjorino Bowers, patrino de brava provizejestro „Birdo“ Bowers, li skribis:

„Ni estas proksimaj al fino de nia vojaĝo, kaj mi finas ĝin kune kun du bravaj „gentlemanoj“, el kiuj unu estas via filo. Li fariĝis mia plej proksima kaj plej bona amiko; ĉe li mi devis ĉiam admiri lian mirindan rektan karakteron, lertan kuraĝon kaj energion. Ju pli pezaj estis la malfacilaĵoj, des pli kuraĝe brilis lia animo; la vojoj de Dio estas netroveblaj, sed certe estis, ĉi tie iu pli alta motivo, kial tiu juna, brava, multpromesanta vivo estis forprenita de l' mondo... En la lastaj momentoj de vivo li parolis al mi pri vi, pri fratinoj. Mi ekkonis, kia feliĉa vivo estis lia. Kiel tio estis belega, kurioza, pensi en tiu horo nur pri beleco. Li restis malprofitema ĝis la lasta elspiro kaj eldiris plenan esperon, ke Dio vin pro li iel rekompencos.“

Kaj fine al sia plej proksima amiko, verkisto kaj poeto Barie, bopatro de sia infano kaj sindonema amiko al familio, li skribas per kortuŝanta maniero:

„En espero, ke tiu letero estos iam trovita kaj al vi transdonita, mi sendas al vi mian lastan adiaŭon! praktike

[1] Tiu ĉi artikolo estis verkita de fama bohema verkisto, poeto kaj tradukisto, precipe el franca lingvo, Profesoro Frant. Sekanina, kaj aperis en la plej disvastigita ĉiutaga ĵurnalo „Narodni Politika“. Profesoro Sekanina estas tre favora al nia movado. *(Rim. de l' trad.)*

pensante: mi petegas vin kaj transdonas al vi mian edzinvidvinon, kaj mian infanon, kies bopatro vi estas. Helpu al ili, se ili bezonos vian helpon. Ni jus pruvas ĉi tie, ke Angloj mortas per brava kuraĝo, finbatalas por la vivo ĝis la lasta momento. Estos jam konate, ke ni nian taskon trafi la sudan poluson atingis, kaj ke ni entreprenis ĉion eblan, kio estis en homa povo, ĝis la lasta ebleco kaj sinoferemo, por savi niajn malsanajn amikojn. Mi esperas, ke tio estos iam por Angloj modelo, kaj ke la lando subtenos ĉiujn, kiujn ni postlasis hejme en ĉagreno.

Vivu feliĉe. La fino ne timigas min... Mi ne pruvis, ke mi estas granda esploristo, sed ni faris plej grandan marŝon, kiu estis iam farita, kaj ni alvenas al nia granda celo multe proksime. Vivu feliĉe, kara amiko. Ni estas en senespera situacio... piedoj jam frostiĝas...“

Pli malfrue: „Ni estas proksimaj al fino. Sed mi ne perdis kuraĝon, kaj ni ne volas perdi ĝin. Jam kvar plenajn tagojn ni troviĝas en terurega neĝventego; mankas al ni nutrajo eĉ fajro. Ĉar ĉio atingis plej grandan teruron, ni volis memmortigi nin, sed tamen ni decidis morti per natura morto. Mortante, mi petas vin, karega amiko, estu bona al mia edzino kaj infano... En la tuta vivo mi renkontis neniam tian homon, kiun mi pli multe admiris, kaj kiu estis al mi pli kara ol vi. Sed kia malĝojo, ke mi neniam povos al vi montri, per kio estis al mi via amikeco... se vi al mi tiel multe donis, kaj mi al vi nenion...“

* * *

Per tiu ĉi letero finiĝis la vivtragedio de malfeliĉa heroo Scott. Li skribis ĝin la 29 marto 1911, kaj nur la 12 novembro 1911 la mortajn kunulojn trovis la ekspedicio de Doktoro Atkinson, kiu al ili devis alporti eblan savon... Scott, rigidiĝinta per frosto, havis la dekstran manon sub la kapo, kie kuŝis lia taglibro...

P-ro *Frant. Sekanina.*

Trad. *Frant. X. Kučera* (Del. Knezeves).

---

## Biologia interligo inter organismoj kaj neorganismoj

En antaŭa tempo kiel organismojn oni rigardis nur la bestojn; nur ilin oni opiniis vivaj, animhavantaj. Kun la tempo al organismoj estis kunigitaj ankaŭ la vegetajoj, ĉar ankaŭ ĉe ili oni trovis la samajn biologiajn fenomenojn, kiuj estas observataj ĉe la bestoj, nome multiĝo, kreskado, asimilado, k. c. Tiamaniere, en la fakon de biologio eniĝis la bestaro kaj la vegetajaro. Lastatempe pli kaj pli aŭdiĝas la voĉoj por tio, ke en la fakon biologian oni enigu ankaŭ la mineralaron. Tiamaniere kelkaj el progresemaj scienculoj, kies ĉefo estas profesoro de politeknika instituto en Karlsruhe, Otto Leman, penas detrui la „ĥinan muron“, kiu kvazaŭ disigas la mondon animan de la senanima.

Ĝis nun oni sukcesis pruvi ĉe la kristaloj la jenajn biologiajn fenomenojn: 1e multiĝo (per la memnaskiĝo sekve de kontakto de ia fluidajo kun alia preta kristalo, per la memdividado kaj per la burĝonoj); la du lastaj fenomenoj estis eltrovitaj antaŭnelonge de Otto Leman; 2e kreskado kaj sinnutrado; ĉe tio Leman sukcesis pruvi, ke en kelkaj okazoj kristalo prenas la nutrajon ankaŭ internen; 3e regenerado aŭ sanigado de vundoj ĉe la kristaloj; 4e movado de la kristaloj.

Tiel same ankaŭ mi pere la aparta metodo prosperis rimarki ĉe la kristaloj vicon de novaj biologiaj fenomenoj. Mia metodo konsistas el jeno: en larĝan vitran glason oni enverŝas varman solvajon de kalciklorido; poste, pere de speciala vitra tubeto, oni preparas malgrandajn globetojn el para-nitroluolo (substanco apartenanta al aromaj kunigajoj kaj fandiĝanta ĉe 54°), kiujn oni lokigas en tiun ĉi solvajon. Havante la saman specifan pezon kun solvajo de kalciklorido, tiuj ĉi globetoj naĝas en ĝi kaj kune kun ĝi malvarmiĝas. La temperaturon de la solvajo, do tiun de la globetoj, oni mezuras per ordinara termometro.

Tiuj ĉi globetoj, malvarmiĝante laŭgrade, tamen ne malmoliĝas ĉe 54°, sed elmontras fenomenon de tromalvarmiĝo. Tiel, dek egalaj naĝantaj globetoj havis malmoliĝon: la 1a ĉe 44°, la 2a ĉe 42° k. c. kaj la 10a (la lasta) ĉe 34°, kondiĉe ni opiniis, ke ĉe la temperaturo pli alta ol 54° la globetoj ne vivas, ĉar ili ankoraŭ ne riskas malmoliĝi (morti), kaj la funkciado de ilia vivo (kiel tiu de la fluidaj) komenciĝas de 54°. El tio sekvas, ke la 1a globeto atingis, tiel dirante, 10-gradan aĝon (54 — 44 = 10°), kaj la lasta (10a) 20-gradan aĝon.

Tiamaniere, mi eltrovis novan biologian analogion: individua eco ĉe la kristaloj de la sama speco.

Estis ankaŭ pruvita la herediĝemo de la akiritaj ecoj. Efektive, se dum ĉiu aparta eksperimento kun 10 globetoj oni forprenos la plej longevivantajn globetojn (t. e. la dekajn) kaj kolektos ekzemple dekon da tiuj globetoj, tiu ĉi apartigita substanco, estante aliformigita ree en fluidajn globetojn, montros por la unua globeto vivemecon de 20°, kaj por la lasta 30°. Alivorte, tiuj ĉi eksperimentoj evidentigas heredan transdonon de la difinitaj ecoj, en montrita okazo — de la kapableco ne malmoliĝi longedaŭre. Daŭrigante similajn eksperimentojn, oni povas ricevi, tiel dirante, trian generacion de la globetoj, kiuj estos ankoraŭ pli daŭrevivantaj.

Plua biologia analogio rilatis fenomenon de tiel nomata optimumo, t. e. tiu ritmo de vivo, ĉe kiu la organismoj disvolviĝas plej favormaniere por si mem. Por tiu celo la globetoj estis malvarmigataj kun malsama rapideco. Ĉe la tre malgrandaj kaj tre grandaj rapidecoj la globetoj ne estis daŭrevivantaj, sed ĉe la meza rapideco de la malvarmiĝo ili vivis ĝis „profunda maljuneco“.

Batalo por ekzistado estis pruvita per solvo de artefaritaj kristalformoj de aluno en akvo. Montriĝis, ke ĉiuj formoj (globo, kubo, prismo, k. c.) solviĝis pli rapide ol la formo, kiu konvenas nature al aluno. El tio oni povas konkludi, ke tiu ĉi normala formo ellaboriĝis dum vico da miljaroj, kaj eble milionoj da jaroj. Kristaloj ja havas pli antikvan originon ol la organismoj. Ĉiuj aliaj formoj de la nomita kristalo pereis do en la batalo por ekzistado, kaj eble la pratempaj formoj de kelkaj kristaloj estos iam eltrovitaj de la paleontologoj.

Se ĝi estas vera, ĉe la nuntempaj kristaloj estas do ebla eltrovo de la biogeneza leĝo de Häckel, t. e. mallongedaŭra kaj rapida ripeto de la plej ĉefaj formoj de disvolvo ĉe nia kristalo, kiuj antaŭiris ĝian nuntempan formon.

Ĉiuj montritaj tie ĉi biologiaj analogioj igas min opinii, ke oni ne povas determini precizan limon inter la organismoj kaj neorganismoj, kaj ke ĉio en la naturo estas vivanta; diferenco inter unuj kaj aliaj konsistas nur en la intenseco de elmontro de la vivfunkcioj. Se tio ĉi estas vera, do en la naturo forestas la senanimaj objektoj.

Prof. *P. Baĥmetjev.*

Trad. *Eŭgeno Tiĥonov* (Del. Astraĥan).



# ✿ NOTOJ ✿

.·. **La akvumo de Malsata Stepo.** — La 18 oktobro 1913 aperas komenco de nova epoko en la tuta sorto de Malsata Stepo. En la nomita tago estis malfermita la jus elfosita grandega akvumanta kanalo. Ĝis nun Malsata Stepo havanta pli ol 777.000 hektarojn, prezentis plene senakvan maron. Malsata Stepo troviĝas sur maldekstra bordo de la rivero Syr-Daria (Turkestano) inter 40—41° de norda latitudo. Klimato kontinenta, somere temperaturo de 40°, preskaŭ ĉiutage, en ombro, kaj ĉe la suna flanko 60—62° C. Vintre, plejparte super nulo; malofte la malvarmo atingos —25°.

La nun elfosita kanalo celas akvumi la teritorion en la nordorienta parto de Malsata Stepo, t. e. pli ol 80.000 hektarojn, el kiuj 49.000 plene estos akvumataj. Kaj jen tian vastan ebenaĵon, similan al maro, sur kiun en daŭro de l' somero ne falis eĉ unu guto de pluvo, homo komencas tuŝi, veki, kaj dank' al akvumo kaj riĉeco de la varmo kaj sunradioj, la kamparano ricevos riĉan rikolton. Oni ricevas de unu hektaro de l' akvumata tero pli ol 3000 kilogramojn da kotono (vato).

Por efektivigi la reton de la kanaloj kaj kavoj, estis bezone eligi 14.500.000 m³ da tero. La longo de la ĉefa kanalo, nomita Romanovskij, egalas 39 km., la longo de la kanaloj de la unua vico 188 km., de la dua 1492, de la tria 5330 km.

Oni komencis la laboron en 1900, sed ĝis 1911 nur elfosis pli malmulte ol duonon da tuta elfosaĵo. Post 1911, kiam la administrado estis transdonita al inĝeniero F. Tolmaĉev, kaj en 1912 la gvidado de la entrepreno al inĝeniero S. Ĉalv, la laboro iris tre rapide Grave estas rimarki, ke ĉiuj konstruaĵaj materialoj estis elveturigitaj el Eŭropa Ruslando, eĉ la granitaj ŝtonoj. La tuta laboro estos plenumita en aŭtuno 1914 kaj kostos 7.200.000 Sm.

En la nova akvumata teritorio estas konstruota, apud stacio de Meze-Azia fervojo Sur-Daria, komercindustria urbo, sub nomo Syr-Darjinsk'. Por la nova urbo estas limigata teritorio kun 5000 urbloĝantoj, ĉiu po 2731.0 m². — *D. Vorobjev.*

.·. **Montaraj fervojoj aŭ aŭtomobiloj.** — Ĉu Svislando, kiu faris tiel gravajn oferojn por ebligi, per siaj alpaj fervojoj, al la internacia turistaro la alpajn altaĵojn, estus vidonta neniigitaj tiom multajn klopodojn?

Jen estas demando, kiun ekzamenis la Berna gazeto „Der Bund", kaj ĝi almenaŭ ŝajne respondis tiun demandon tute ne favore pri la svisaj entreprenoj. Oni nun konstatas, ke pli kaj pli multaj turistoj sin direktas al la francaj, bavaraj aŭ tirolaj Alpoj al la Nigra Arbaro, al Pireneoj kaj al Karpatoj. Tiu konkurenco kontraŭ la svisa hotela industrio estus faciligita per uzo de rimedo de veturado ĝis nun tute flanklasita de Svislando: la publikaj aŭtomobiloj, la t. n. aŭtobusoj. Dum en Svislando oni diskutas, ĉu oni konstruos tiun aŭ alian fervojon kun larĝa kaj mallarĝa vojo, aliaj landoj, precipe Franclando, ĉiam pli profunden enpenetrigas en la alpajn valojn siajn aŭtobusojn, kiuj estas por la montaj kaj por la turismaj regionoj la plej malmultkostaj el ĉiuj veturiloj, ĉar ili bezonas nur malmultan kapitalon kaj transportas la vojaĝantojn kun rapido kaj sendanĝereco egalaj al tiuj de l' alpaj fervojoj. En tri jaroj, Itallando ne kreis malpli ol 3000 kilometrojn da aŭtomobillinioj en la montaroj, kio proksimume egalvaloras la tuton de l' svisa fervojaro. En Franclando la alpaj aŭtomobiloj solaj estas preskaŭ tiel gravaj. La montfervojoj estas tre multkostaj, kaj en Franclando kun elspezo da 100.000 frankoj por dekduo da aŭtobusoj oni praktike atingas preskaŭ la saman rezultaton.

La plej potenca inter la francaj fervojaj kompanioj, la P.-L.-M. (Paris-Lyon-Mediteraneo), kiu en tri lastaj jaroj kreis pli ol 1800 kilometrojn da aŭtomobilaj linioj nur en la Alpoj de Savoie kaj Dauphiné, pruvas, ke aŭtobusoj povas esti pli oportunaj ol fervojoj. Se la P.-L.-M., kiu sur siaj ebenaj linioj transportas komercaĵojn je prezoj, kiuj estas duono de tiuj de la C. F. F. (Svisaj federalaj fervojoj), nepre preferas la aŭtomobilojn por veturigi vojaĝantojn en la Alpoj, certe ĝi faras tion, ĉar la profitoj estas pli gravaj. Ŝajnas, ke nun ĉie oni pli kaj pli forlasos tiun sistemon de montaj vagonaretoj, utiligante nur aŭtobusojn aŭ dentradvagonojn. — *L. Poncet* (Del. Lyon).

.·. **Statistiko pri la francaj universitatoj.** — En 1913 la 14 francajn universitatojn vizitis 41.109 gestudentoj, tiel klasigeblaj

| | Studentoj | Studentinoj |
|---|---|---|
| Juro . . . . . . . . . | 16.644 | 119 |
| Medicino . . . . . . . | 8.687 | 1.057 |
| Sciencoj . . . . . . . | 6.056 | 583 |
| Beletristiko . . . . . | 4.157 | 2.241 |
| Farmacio . . . . . . . | 1.509 | 56 |

Do, entute, estis 37.053 studentoj kaj 4056 studentinoj. Inter ili, fremdaj estis 3819 studentoj kaj 1741 studentinoj, do entute la proporcio de l' fremdaj gestudentoj estis 13,5 %.

Aliparte 2.068 studentinoj apartenas al la universitato de Paris, kaj inter ili nur 978 estas francaj kaj 1090 estas fremdaj. — *L. P.* (L.).

.·. **La konsumado de l' tabako.** — La tabako preskaŭ de tiu tempo, kiam en malnova mondo oni komencis uzi ĝin en diversaj formoj, renkontis krom pasiaj amikoj ankaŭ fervorajn kontraŭulojn. Tamen la lastaj ĉiam estis pli malmultaj ol la unuaj. Nenion helpis malpermesoj de papoj, reĝoj kaj sultanoj; la konsumado pligrandiĝis en la tuta mondo kaj enpenetris tien, kien eĉ signoj de la eŭropa civilizacio ne povis alproksimiĝi. En la trapasinta jarcento oni komencis fervoran batalon bazitan sur sciencaj argumentoj kontraŭ uzado de l' tabako. Sed kiel malgranda estas la sukceso! Jen ekzemple en Francujo en 1830 la konsumo de l' tabako por ĉiu loĝanto atingis 352 gramojn, kies valoro estis 2,12 fr. En 1912 la konsumo egaliĝis tie al 1091 gramoj de la valoro 13,37 fr., t. e. la konsumado pligrandiĝis je 210 kaj la valoro de l' tabako je 530 %. Cetere la Francoj okupas tre malproksiman lokon inter eŭropaj konsumantoj de l' tabako, ĉar por ĉiu loĝanto oni kalkulis en 1912 meznombre gramojn:

| | |
|---|---|
| Nederlando . . . . . . . . . . | 3400 |
| Belgujo . . . . . . . . . . | 2817 |
| Svisujo . . . . . . . . . . | 2148 |
| Danujo . . . . . . . . . . | 2121 |
| Germanujo . . . . . . . . . | 1595 |
| Svedujo . . . . . . . . . . | 1542 |
| Aŭstrio-Hungario . . . . . . | 1360 |
| Anglujo . . . . . . . . . . | 912 |

La malgrandan konsumadon de l' tabako en Aŭstrio-Hungario, Francujo kaj Anglujo kaŭzas ne abomeno de tiea loĝantaro al fumado, tabakflarado kaj tabakmaĉado, sed grandaj impostoj, kiuj estas surmetataj al la tabako en tiuj ĉi landoj kaj supermezure ĝin plikostigas. Kiam oni konsideros, ke preskaŭ ĉiuj ŝtatoj eltiras gravajn profitojn el tabakimpostoj, restas malmulte da espero, ke la malamikoj de la tabako kiam ajn venku. En la senespera batalo ili ĝuas la saman sorton, kiel la malamikoj de l' alkoholo. — Trad. el „Glos Narodu": *E. Izdebski* (Del. Nowy Sacz).

# Al niaj Abonantoj

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en tiu monato. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 5 frankojn (2 Sm.).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 6,25 frankojn (2,50 Sm.). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**

# LITERATURO

## FELIETONO

# POST LA BALO

Postmorta rakonto de *L. N. Tolstoj*, trad. *A. Koĥ* (Varsovio)

II

— Jes, nu, jen mi dancis pli ofte kun ŝi, kaj mi ne vidis, kiel pasis la tempo. La muzikistoj jam kun ia malespero pro laciĝo — vi scias, kiel okazas en fino de balo — rekomencadis ĉiam la saman melodion de la mazurko; el gastoĉambroj jam leviĝis de ĉe la kartludaj tabloj paĉjoj kaj panjoj, atendante la vespermanĝon, lakeoj pli ofte ekkuradis, preterportante ion. Estis post la dua horo. Oni devis utiligi la lastajn minutojn. Mi ankoraŭ unufoje elektis ŝin, kaj ni centan fojon trapaŝis la salonon laŭlonge.

Do, post la vespermanĝo, la kvadrilo estas mia, — diris mi al ŝi, akompanante ŝin al la loko.

— Kompreneble, se oni min ne forveturigos, — respondis ŝi ridetante.

— Mi tion ne lasos, — diris mi.

— Donu do la ventumilon — ŝi petis.

— Estas domaĝe ĝin fordoni — diris mi, donante al ŝi blankan malkaran ventumilon.

— Do, jen havu, por ke vi ne bedaŭru — elparolis ŝi, deŝiris plumeton de la ventumilo kaj donis al mi.

Mi prenis la plumeton kaj nur rigarde mi povis esprimi tutan mian entuziasmon kaj dankon. Mi estis ne nur gaja kaj kontenta — mi estis feliĉa, feliĉega, mi estis bona, mi estis ne mi, sed ia nesurtera estaĵo, ne scianta malbonon, kaj kapabla fari nur bonon. Mi kaŝis la plumeton en la ganton kaj staris, ne povante foriri de ŝi.

— Rigardu, paĉjon oni petas danci — diris ŝi al mi, montrante altan, belstaturan figuron de ŝia patro-kolonelo, kun arĝentaj epoletoj, starantan en pordingo kun la aliaj sinjorinoj.

— Barbanjo, venu ĉi tien — ekaŭdis ni laŭtan voĉon de la mastrino en brilantaj kapornamaĵoj kaj kun Elizabetaj ŝultroj.[1]

Barbanjo alpaŝis la pordon, kaj mi post ŝi.

— Admonu do, *ma chère*, paĉjon ekdanci kun vi.

Nu, mi petas, Petro Vladislavoviĉ — ŝin turnis la mastrino al la kolonelo.

La patro de Barbanjo estis tre bela, statura, alta kaj freŝa maljunulo. La vizaĝon li havis tre rozkoloran, kun blankaj laŭmode de Nikolao Ia torditaj lipharoj, seme blankaj lasitaj ĝis lipharoj, vangharoj kaj kun kombitaj antaŭen tempiharoj, kaj sama ĝoja rideto, kiel ĉe la filino, estis en liaj serenaj okuloj kaj lipoj. Staturumita li estis bonege, kun larĝa brusto, neriĉe ornamita per ordenoj, elstariganta laŭmilitiste, kun fortaj ŝultroj, kaj longaj rektaj piedoj. Li estis eskortestro laŭtipa je militisto de Nikolaa disciplino.[2]

Kiam ni alpaŝis la pordon, la kolonelo rifuzis, dirante, ke li forgesis danci, sed tamen, ridetante, metinte je maldekstra flanko la manon, li eligis spadon el portepeo, donis ĝin al komplezema junulo kaj, vestinte ŝaman ganton sur la dekstran manon — „oni devas ĉion laŭleĝe" — ridetante diris li, prenis la manon de la filino kaj stariĝis kvaronturne, atendante la takton.

Atendinte komencon de la mazurka melodio, li vigle frapis per unu piedo, svingis la duan, kaj alta, peza figuro lia jen mallaŭte kaj glitsimile, jen bone kaj malkviete, kun frapoj de la plaŭdoj kaj de la piedo je piedo, ekmoviĝis ĉirkaŭe en la salono. Gracia figuro de Barbanjo glitis apud li, nerimarkeble, ĝustatempe mallongigante aŭ longigante paŝojn de siaj etaj, blankaj, atlasaj piedetoj. La tuta ĉeestantaro observis ĉiun movon de la paro. Mi do ne nur plezuriĝis, sed kun entuziasma kortuŝo rigardis ilin. Precipe min kortuŝis liaj botoj, sed ne laŭmodaj — kun akra pinto, sed antikvaj — kun kvarangulaj botpintoj kaj sen kalkanumoj — videble, la botoj estis konstruitaj[1] de bataliona botisto. „Por salonaperigi kaj vesti amatan filinon, li ne aĉetas laŭmodajn botojn[2], sed portas hejmefaritajn" — pensis mi, kaj ĉi tiuj kvarangulaj botpintoj precipe min kortuŝis. Estis videble, ke li iam dancis belege, sed nun li estis peza, kaj la piedoj jam ne estis sufiĉe elastaj por ĉiuj tiuj belaj kaj rapidaj „paŝoj", kiujn li penis fari. Sed li tamen lerte faris du rondojn. Do kiam li, rapide dispelinte la piedojn, denove kunigis ilin kaj, kvankam iom peze, falis je unu genuo, kaj ŝi, ridetante kaj ordigante la robon, kiun li ektuŝetis, glitsimile ĉirkaŭiris lin, ĉiuj brue ekplaŭdis. Kun ioma peno leviĝinte, li delikate, ĉarme ĉirkaŭprenis sian filinon je oreloj kaj, kisinte la frunton, alkondukis ŝin al mi, opiniante, ke mi dancos kun ŝi. Mi diris, ke ne mi ja estas ŝia kavaliro.

— Nu, tute egale, ekdancu nur vi kun ŝi — diris li, afable ridetante kaj metante la spadon en la portepeon.

Kiel okazas, ke post unu guto falinta el botelo ĝia enhavaĵo elverŝiĝas per grandaj fluetoj, same en mia animo la amo al Barbanjo liberigis tutan, kaŝitan en mia animo, kapablon ami. Mi ĉirkaŭprenadis tiutempe la tutan mondon per mia amo. Mi amis la mastrinon kun kapornamaĵoj, kun ŝia Elizabeta busto, kaj ŝian edzon, kaj la gastojn, kaj la lakeojn, kaj eĉ la kolerantan kontraŭ mi inĝenieron Anisimov. Rilate la patron ŝian, kun liaj hejmefaritaj botoj kaj afabla, similanta ŝian, rideto, mi sentis tiutempe ian entuziasman mildan senton.

La mazurko finiĝis; la gemastroj petis la gastojn vespermanĝi, sed kolonelo B. rifuzis, dirinte, ke li devas morgaŭ frue leviĝi, kaj adiaŭis la gemastrojn. Mi jam ektimis, ke oni ŝin ankaŭ forveturigos, sed ŝi restis kun la patrino.

Post la vespermanĝo mi dancis kun ŝi la promesitan kvadrilon, kaj, malgraŭ tio, ke mi estis, ŝajnis, senfine feliĉa, la feliĉo mia ĉiam kreskis kaj kreskis. Ni nenion parolis pri la amo; mi demandis nek ŝin, nek eĉ min pri tio, ĉu ŝi min amas? Por mi sufiĉis tio, ke mi ŝin amis. Kaj mi timis ion solan: ke io ajn rompos mian feliĉon.

Kiam mi revenis hejmen, senvestiĝis kaj ekpensis pri la dormo, mi ekvidis, ke ĝi estas tute neebla. En la mano mi havis la plumeton de ŝia ventumilo kaj tutan ŝian ganton, kiun ŝi donis al mi, forveturante, kiam ŝi sidiĝis en la kovritan kaleŝon, kaj mi helpis ŝian patrinon kaj poste ŝin. Mi rigardis ĉi tiujn objektojn kaj, ne fermante la okulojn, mi vidis ŝin antaŭ mi jen en tiu momento, kiam ŝi, elektante inter du kavaliroj, divenas mian dancludon, kaj mi aŭdas ŝian ĉarman voĉon, kiam ŝi diras: „Fiereco, jes?" — kaj ĝoje etendas al mi la manon, aŭ kiam ĉe la vespermanĝo ŝi albuŝigas pokalon da ĉampanvino kaj el sub la frunto rigardas min per karesantaj siaj okuloj. Sed pleje mi vidas ŝin pare kun la patro, kiam ŝi glitsimile moviĝas apud li kaj kun fiereco kaj ĝojo por si kaj por li ekrigardas la plezuriĝintajn rigardantojn, kaj mi nevole kunigas lin kaj ŝin en unu milda, kortuŝa sento.

Vivis ni tiam solaj kun mortinta frato. La frato ĝenerale ne preferis la societon, kaj li ne viziitadis balojn, kaj nun li pretiĝis al la kandidata ekzameno kaj havis la plej regulan vivmanieron. Li dormis. Mi ekrigardis lian kapon enigitan en la kusenon kaj duonkovritan per flanela litkovrilo, kaj iĝis al mi bedaŭro, bedaŭro pro tio, ke li ne scias, kaj ne dividas tiun feliĉon, kiun mi sentas. Mia servuta lakeo Peĉjo renkontis min kun la kandelo kaj volis helpi min senvestiĝi, sed mi lasis lin for. La aspekto de lia duondormanta vizaĝo kun malordiĝintaj haroj ekŝajnis al mi kortuŝe ĉarma. Penante ne brui, mi sur piedpintoj iris mian ĉambron kaj sidiĝis sur la liton. Ne, mi estis tro feliĉa, mi ne povis dormi. Krom tio estis por mi varmege en la hejtitaj ĉambroj, kaj mi, ne malvestante la uniformon, senbrue eliris vestiblon, vestis la palton, malfermis eksteran pordon kaj eliris sur la straton.

*(Fino en la proksima №).*

[1] La ŝultroj similantaj tiujn de la Imperiestrino Elizabeto. — *Rim. de l' trad.*

[2] Imperiestro Nikolao Ia (1796—1855). — *Rim. de l' trad.*

[1] Aŭtora esprimo. — *Rim. de l' trad.*

[2] Por eviti superfluajn elspezojn. — *Rim. de l' trad.*



# Bileto de blankbarbulo

*En sia grava* Skizo de historio de la greka lingvo[1], *P-ro Meillet skribas jenajn frazojn, kiujn mi rekomendas al la atenta ekzameno kaj meditado de niaj samideanoj, kiuj interesiĝas pri lingvaj demandoj.*

*„Ĉiu lingvo senĉese tendencas, laŭ sia natura elvolviĝado, al rompado en diversajn lingvajojn kaj senĉese la* uzantoj *kontraŭagas, restarigante komunajn lingvojn komprenatajn de multaj homoj sur vasta kampo... sed, inter la diferenciĝitaj lingvajoj, tiuj, kiuj ne fariĝas komunaj lingvoj, pli malpli frue devas malaperi, ĉar ili ne konformiĝas al tio, kio lingvo devas esti, t. e.: rimedo por ĉiu* uzanto *kompreni kaj kompreniĝi sur la tuta kampo kaj en la tuta socia grupo, kie li agadas. Solaj povas vivi, je daŭro, la komunaj lingvoj!“*

*Antaŭ ĉio estas apenaŭ necese, rimarkigi, ke en la supra citaĵo la esprimo „komuna“ ne estas la malo de scienca aŭ teknika, sed de individua aŭ de propra al nur kelkaj.*

*La ĉefa instruo, kiun ni Esperantistoj povas eltiri el la fakto konstatita de l'eminenta historiisto de la greka lingvo, estas, ke kontraŭ la natura emo al disfalo en diversajn dialektojn, multe pri efika ol iu ajn teoria kredo, rezonado aŭ diskuto estas la kvazaŭ instinkta agado de la* uzantoj. *Ju pli ni uzos nian lingvon, ne kiel diletantoj, kiuj ĝojas pri sia lingva virtuozeco, sed por praktika celo, atingota nur, se ni komprenas kaj igas nin facile komprenataj, des pli ni helpos al la firma konservado kaj al la senĉesa restarigo de la lingva komuneco, de la lingva unueco.*

*Certe la Akademio povas ankaŭ ludi tie sian utilan rolon per tio, ke ĝi atentigas severe pri la danĝero de tro rapida aŭ laŭnacia pliriĉigado, kaj per tio, ke ĝi konstatas la internacian komunan uzadon kaj ĝin oficialigas post atenta ekzameno kaj normaligado, se tio estas necesa. Sed aljuĝi al ĝi alian rajton, kreantan aŭ eĉ simple direktantan rajton, sub pretekst proponi tiametode al la publiko lingvon kiel eble plej puran, regulan kaj logikan, estus elsekigi la fonton mem de la vivo de nia lingvo, sen la ajn profito por ĝia unueco sur la praktika kampo.*

*Por ke restu do komuna nia lingvo, ni ĝin simple viviĝu plenkonfide per la uzado. Ni ne timu: la komunecon, la unuecon kunportas necese kun si kaj per si mem la vivo, kiu ne dependas de kvankam bonaj kaj utilaj institucioj, sed nur de la uzanta popolo.*

Th. Cart.

[1] *Aperçu d'une histoire de la langue grecque* par **A. Meillet**, professeur au Collège de France. Paris, Hachette, 1913. Prezo 3.50 fr.



## KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.*

*La redakcio.*

### Aŭstrio-Hungario.

*Bozen:* Post aranĝo de kelkaj kursoj oni fondis la 30 decembro societon, kiu havas ĝis nun preskaŭ 50 membrojn. La 10 januaro ĝi organizis kun la helpo de S-ro Th. Fuchs, i. r. kortega konsilanto en Wien, propagandan vesperon sub la prezido de S-ro D-ro Nikolussi, kiu same faris la malferman paroladon. Propagande paroladis S-ro W. Wittek, Del., kaj S-ro Johannes legis la paroladon de S-ro Fuchs, ĉar tiu estis malhelpata ĉeesti. Kantado plenigis la reston de la vesperfesto, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 150 personoj. Sekve de tiu festo malfermiĝis du kursoj. — *Červeny Kostelec:* Kurso gvidata de S-ro Fr. Baliček malfermiĝis; 40 anoj. — *Graz:* La 3 februaro komenciĝis kurso en la universitato, gvidata de S-ro D-ro med. Sabin, prez. de la „Germana akademia Esp. Societo“ en Graz; partoprenas 15 gestudentoj. La Esperantianoj de la regiono Graz kunvenas la trian merkredon de ĉiu monato en la klubejo de la Stiria Esperantista Societo, Winterbierhaus, Bürgergasse 14, 1a etaĝo. — *Losonc:* Malfermiĝis kurso kun 14 anoj sub gvidado de S-ro S. Weisz, Del. — *Olomouc:* En decembro S-ro Neuzil malfermis kurson por geinstruistoj en instituto Pöttingeum, kiun vizitas 15 anoj. En la germana reala lernejo komenciĝis la 14 januaro du kurso por lernantoj de mezaj lernejoj, kiun partoprenas 20 anoj; tiun kurson gvidas S-ro P-ro M. Murath. — *Pardubice:* S-ro P-ro Pitlik la 25 januaro faris paroladon en la loka grupo pri sia paroladvojaĝo. — *Rakovnik:* Kurson kun 15 anoj gvidas S-ro Černy, Del. — *Sarajevo:* Laŭ decido de la lasta ĝenerala kunveno la grupo „Stelo Bosnia“ disiris kaj la restantaj 12 membroj unuvoĉe aliĝis al UEA. — *Ungvár:* S-ro D-ro R. A. J. de Szöke, Del., fondis novan grupon, kiu aranĝas konstantajn kursojn. Prezidanto: D-ro R. A. J. de Szöke; kasisto: Rezsi Schaffer; bibliotekisto: Soma Balázs. — *Veseli:* F-ino Reháková gvidas kurson kun 30 anoj. — *Wien:* En la Stiftskaserne nun okazas kurso por aŭstriaj oficiroj, kiun vizitas ankaŭ 15 oficiroj de la generalstabo. En oficialaj rondoj oni intencas enkonduki tiajn kursojn iom post iom por ĉiuj oficiroj. La lokaj gazetoj favore raportas pri tio.

### Belgujo.

*Contich:* La 3 februaro malfermiĝis kurso gvidata de S-ro J. Jacobs.

### Britujo.

*Barrow-in-Furness:* La 16 januaro okazis la Ĉiujara Festo en la Cambridge Hall, kaj preskaŭ 70 personoj ĉeestis. La programo konsistis el dancado, komuna vespermanĝo kaj propaganda parolado de la prezidanto. — *Blackpool:* Nova grupo fondiĝis. — *Doncaster:* Nova grupo fondiĝis. — *Letchworth:* La 31 januaro S-ro P. Blaise faris lumbildparoladon en Howard Hall pri: Vizito al Parizo. — *London:* La 6 februaro S-ro Mudle paroladis pri sia vojaĝo tra Kanado. — S-ro Blaise faris serion de paroladoj ĉe la diversaj Londonaj grupoj pri Parizo kaj la deka Kongreso.

### Francujo.

*Grenoble:* La 29 januaro dum kunveno de la loka grupo, S-ro L. Agurtin faris Esp. paroladon pri la Esp. movado en Rusujo. — *Limoges:* La 29 januaro S-ro G. Lelarge faris sukcesan paroladon antaŭ 150 gejunuloj. — *Paris:* La Ĝenerala Konsilantaro de la departemento Seine voĉdonis 500 frankojn por la Organiza Komitato de la Xa Kongreso. — La Kongreso de la Pariza Federacio

okazos la 29 marto en Levallois-Perret. — La diversaj sekcioj de la Pariza grupo arangas ĉiusemajne paroladon kaj diskutadon pri temoj de ĝenerala intereso. Okaze de la Kongreso oftaj artikoloj en la gravaj gazetoj.

## Germanujo.

*Augsburg:* La loka grupo de GEA malfermis novan kurson. — *Bamberg:* La loka unuiĝo por turismo transdonis al la Esp. grupo 50 markojn por eldono de nova gvidfolio. La ĉefkunveno de la grupo okazis la 8 januaro. — *Dresden:* La ĉefkunveno de la Societo Esperanto okazis la 13 januaro. La jarraporto pruvas la viglan vivon en la societo kaj en ĝiaj grupoj dum la pasinta jaro. Oni decidis, ke estonte la monataj kunvenoj okazu en la Esperanto-hejmo, kiu konstante estas bone vizitita. — *Leipzig:* La Esp. Unuiĝo de Magistratoficistoj havis en januaro sian ĉefkunvenon. El la diversaj raportoj rezultas, ke la societo faris kontentigajn progresojn. La ĝisnuna estraro estas reelektita. Post la oficiala parto de la kunveno S-ro Rössel paroladis pri Bulgarujo. — *Neustadt-Aisch:* S-ro J. Schmalzl, Del., la 2 februaro faris propagandan paroladon kaj starigis kurson. — *Zittau:* La 4 januaro okazis la 13a „amika kunveno", kiun ĉeestis 73 personoj el 22 grupoj. S-ro Müller el Görlitz faris paroladon pri sia vojaĝo al Palestino.

## Hispanujo.

*Sevilla:* La sidejo de la Hispana Societo p. p. de Esperanto translokiĝis en Sevilla; la prezidanto estas S-ro Trinidad Soriano. La urbkonsilantaro triafoje donacis al la grupo 1500 pesetojn por ĝia propagando.

## Italujo.

*Modica:* S-ro P. Favacchio, Del., gvidas kurson, kiun vizitas multaj anoj de la „Circolo di Cultura".

## Rusujo.

*Birsk:* S-ro A. Popov gvidas kurson kun 32 anoj. — *Peterburg:* En la societo „Espero" okazis du paroladoj de bulgara kapitano S-ro I. Silvestriev pri liaj impresoj dum la balkana milito. — *Ufa:* Laŭ permeso de la estraro de la realgimnazio malfermiĝis senpagaj kursoj gvidataj de S-ro V. V. Zavjalov; enskribiĝis 112 lernantoj. — *Varsovio:* La Pola Esp. Societo translokiĝis en novan luksan loĝejon (Foksal 17), afable disponigitan de S-ro Kawecki. La societo kunvenas ĉiusemajne; ĉiu kunveno estas vizitata de 30—40 personoj.

## Svisujo.

*Bern:* La kvar kursoj komenciĝintaj en aŭtuno finiĝis kaj malfermiĝis tri novaj. La Svisa Esperanta Societo eldonis propagandan broŝuron kaj organizas nun gazetaran servon. — *Lyss:* Sekve de parolado de S-ro J. Schmid, Del. en Bern, komenciĝis kurso kun 18 anoj gvidata de S-ro E. Scheurer, Del.

## Usono.

*Atlanta* (Ga.): D-ro C. H. Stockhard malfermis kurson por komencantoj. — *Boston* (Mass.): Ĉiumarde S-ro Wm. B. James gvidas kurson ĉe la Publika Biblioteko. — *Fort Wayne* (Ind.): Fondiĝis societo, filio de la nacia asocio. — *Krotona* (Cal.): Malfermiĝis kurso por komencantoj. — *Philadelphia* (Pa.): Festo okaze de la translokiĝo de l'grupo; estis fremdaj vizitantoj, i. a. du rusoj ne konantaj la anglan. — *Pickford* (Mich.): La estraro de la tieaj lernejoj metis la studon de Esperanto en la kurson altlernejan. — *Pittsburgh* (Penna): S-ro J. D. Hailman paroladis pri la praktikaj aplikoj de Esperanto. Ĉiulunde la „Pittsburgh Sun", grava ĉiutaga ĵurnalo, presigas longan artikolon pri Esperanto. — *Richmond* (Va.): Ĉe la John Marshall Altlernejo, F-ino Spiers faras kurson por komencantoj.

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Kvina Brazila Kongreso de Esperanto

La prepara kunveno okazis la 11 decembro ĉe la honora salono de Societo Geografia de Rio de Janeiro, sub la prezido de S-ro D-ro José A. Boiteux, sekretariita de S-roj D-ro J. B. Mello e Souza kaj J. Machado Tosta. Estas akiamita la jena Kongresa estraro: prez. pastro Mathias Freire, oficiala reprezentanto de ŝtato Parahyba; unua vicprez. D-ro Nuno Baena; dua vicprez. Venancio da Silva; tria vicprez. F-ino Cecilia Curvello; unua sekr. inĝ. H. Motta Mendes; dua sekr. Carlos Vellozo; tria sekr. Toledo de Loyola; kvara sekr. S-ino Rachel Bessa Filha.

La saman tagon, ĉe Asocio de Komercoficistoj okazis la solena malfermo de l' Kongreso. Starante oni aŭdis la himnon „La Espero"; poste salutis la Kongreson diversaj reprezentantoj de brazilaj societoj kaj grupoj. Ankaŭ parolis D-ro E. Backheuser, oficiala reprezentanto de ŝtato Rio de Janeiro kaj la reprezentanto de ĵurnalo „O Imparcial", kiu aliĝis la Kongreson. Leviĝis tiam la eminenta verkisto D-ro Leoncio Corrêa, direktoro de la nacia presejo, kiu faris belegan paroladon pri la progresoj de la helpa lingvo kaj la homa celo de la propagando esperantista.

La kunsidon ĉeestis reprezentanto de S-roj Ministro de laboroj, Ministro de eksteraj aferoj, Ministro de agrikulturo, Ministro de internaj aferoj, Kardinalo de Rio de Janeiro, Policestro kaj Ĝenerala Sekretario de ŝtato Rio de Janeiro. Jen la nomaro de la *oficialaj* reprezentantoj de la diversaj ŝtatoj de Brazilujo: Inĝ. A. Couto Fernandes, de Maranhão; Candido Jucá, de Ceará; D-ro Tavares de Lyra, de Rio Grande do Norte; pastro Mathias Freire, de Parahyba; D-ro J. Britto, de Alagôas; D-ro Moreira Guimarães, de Sergipe; D-ro E. Backheuser, de Rio de Janeiro; D-ro Antonio Carlos, de Minas Geraes; D-ro Carvalho Chaves, de Paraná; D-ro Fleury Curado, de Goyaz.

La 12 decembro, en salono de Nacia Biblioteko, D-ro Nuno Baena faris paroladon en Esperanto pri la ĝis nun okazintaj Universalaj Kongresoj de Esperanto. La parolado estas ilustrita per lumbildoj. La kongresanoj ĉeestis nokte kinematografan kunsidon aranĝitan de Parko Fluminensa, dum kiu oni vidis la portreton de Zamenhof.

Dimanĉon, ĉiuj kongresanoj partoprenis tre belan promenadon, kiu certe estis la plej amuza. En specialaj tramoj, ornamitaj per Esperantaj flagoj, kaj kun muzikistaro, ĉiuj kongresanoj iris al Pão de Assucar; unu horon poste tiu monteto estis transformita en vera Esperantujo. Tie okazis kunsido, dum kiu oni dancis, deklamis k.c. Je 16 h. Brazila Klubo Esperanto dediĉis teon al la kongresanoj. Sekvis festeno kun multaj tostoj.

La ferma solena kunsido okazis la 15 decembro nokte en salono de Asocio de Komercoficistoj, kiu estis plena de pli ol 1200 personoj. La festo komenciĝis per ludo de komedio „Poŝtaj Kartoj" de D-ro J. Keating; sekvis koncerto bele organizita miksita kun deklamoj de gekongresanoj. Dum tiu kunsido parolis D-ro E. Backheuser, kiu, en Esperanto kaj portugala lingvo, montris la progresojn jam faritajn de Esperanto finante per vigla entuziasma saluto al la aŭtoro de Esperanto, kies busto estis videbla sur kolono kovrita per la verda flago kaj ornamita per floroj. Antaŭ kaj post la kunsido, nian himnon ludis milita muzikistaro.

Dum la Kongreso okazis tri laboraj kunsidoj, kie oni alprenis la jenajn ĉefajn decidojn:

Aprobi la raporton kaj bilancon prezentitajn de la estraro de B. L. E. kaj laŭdi ĝian estraron, kies mandato estis finiĝonta; aprobi novan regularon por B. L. E.; reelekti la estraron por B. L. E.; aprobi S-rojn D-ron Venancio da Silva kaj inĝ. Tobias Leite, Couto Fernandes kaj Motta Mendes por iliaj propagandaj verkoj kaj Quirino de Oliveira pro iliaj muzikoj Esperantaj; elmontri al la brazila gazetaro dankon pro la helpo donita al la propagando, al Societo Geografia de Rio de Janeiro kaj al Asocio de Komercoficistoj pro la simpatiaj kaj helpaj elmontroj al Esperanto de post kelkaj jaroj; klopodi por ke

sciencaj revuoj publikigu resumon en Esperanto de siaj ĉefaj artikoloj; esprimi bedaŭron pro la morto de pastro Schleyer, aŭtoro de Volapuk, kaj de S-roj D-ro Baggi da Araujo, Augusto Ribeiro, Carlo Bourlet, Abato Richardson, Arno Howard kaj aliaj samideanoj; telegrafi al Zamenhof pro lia naskiĝa tago; telegrafi al la prezidantoj de ŝtatoj Sergipe, Rio de Janeiro kaj Parahyba dankante pro la apogo al Esperanto; danki D-ron E. Backheuser pro la servoj faritaj al Esperanto kaj al Brazilujo per la publikigo de lia verko „Brazilio"; elekti D-rojn E. Backheuser, Nuno Baena kaj Mello e Souza, kiel reprezentantoj de brazilaj Esperantistoj dum la Xa Universala Kongreso kaj D-ron J. A. Boiteux dum la 1-a Tut-Amerika Kongreso (S. Francisko en 1915); elekti la urbon Aracajú, ĉefurbo de ŝtato Sergipe, por sidejo de la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto; danki la Organizan Komitaton kaj la estraron de la nuna Kongreso.

Kiel ĉiam, dum la Kongreso okazis ekspozicio, kiu estis tre vizitita kaj, krom tio, ĉiuj jurnaloj de Rio de Janeiro kaj de la ŝtatoj multe parolis pri nia lingvo, montrante al la publiko, kiom ni jam progresadis al definitiva certa triumfo. *M. M.*

## DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

.·. **Aliĝoj.** — Oni estas insiste petata sendi kiel eble plej baldaŭ la kotizon. Ĝis la 1 junio 1914 tiu kotizo estos 15 frankoj (10 frankoj por familianoj: edzino kaj infanoj). Post la 1 junio tiu kotizo estos 25 frankoj (20 frankoj por familianoj). Adreso: Kongreso de Esperanto, 3, Place Jussieu, Paris.

Ĝis nun aliĝis proksimume 1250 personoj.

.·. **Garantia kapitalo.** — La garantia fondaĵo atingis, je fino de januaro, la sumon de 57.000 frankoj.

.·. **Postkongresa karavano.** — Ni estas feliĉaj informi niajn legantojn, ke granda karavano estas organizita post la Pariza Kongreso al la historiaj kasteloj apud la bordoj de la rivero Loire. Tiu karavano estos organizita de la Esperantista Federacio de Centrokcidenta Franclando (Esperantia Entrepreno), sub la aŭspicioj de UEA kaj konsente kun la Organiza Komitato de la Kongreso.

Ni ne dubas, ke tiu bela regiono tiel riĉa je historiaj memoraĵoj kaj famekonataj pejzaĝoj, kiu enhavas la ĉiepriaŭditajn kastelojn de Blois, Chambord, Amboise, Chenonceaux, Langeais, Angers, ktp., allogos grandan nombron de ekskursontoj. La Esperantistaj grupoj kaj Delegitoj de la trapasotaj urboj Orléans, Blois, Tours, Saumur, Angers, sin metos je la dispono de la vojaĝontoj por ilin gvidi kaj informi dum la vojaĝo. Por ĉiuj informoj sin turni al la Prezidanto de la Centrokcidenta Federacio, S-ro Grosjean, 14, place Rabelais, Tours, aŭ al la Sekretario, Delegito de UEA, S-ro Maurice Patin, 40, rue Michelet, Tours. Ni reparolos pri tiu karavano.

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto-semajno propaganda.** — S-ro C. J. Edwards, Del. en Gibraltar, sendis al la K. K. K. proponon pri difino de tutmonda propaganda Esperanto-semajno. Li proponas: 1. Ke la partoprenantoj estu instigataj skribi al siaj neesperantistaj amikoj, konatoj, samprofesianoj, k. a. ĝustatempe por ke la leteroj ilin atingu dum la propaganda semajno. 2. Ke la semajno elektota estu ĉirkaŭe la naskiĝa reven-dato de D-ro Zamenhof, t. e. 15 decembro.

.·. **Esperantista Akademio.** — Oni komunikas al ni la jenan noton:

„La Komisio pri verkoj rekompencotaj tute regule faris sian raporton al la Akademio pri la verkoj prezentitaj en 1913, sed niaj kolegoj, en sia plimulto, opintis, ke ili ne havas la rajton simple elekti inter la dek proponitaj verkoj tiujn ĉi, kiujn ili jam konis, kaj ili preferis ne voĉdoni. Ilin riproĉi pri tia skrupulo, oni certe ne rajtas, kvankam neniam, verŝajne malprave, oni intencis postuli de ili, ke ili ĉiuj legu kaj komparu la dek verkojn proponitajn de la Komisio: oni simple petis, ke ili montru unu ĝis kvin librojn kiuj ŝajnis al ili meriti pro siaj propraj meritoj akademian rekompencon. La cetere tre naturan skrupulon de la Akademianoj, ni devas plene respekti. Mi do havas la honoron proponi, ke al nia Regularo oni aldonu jenan noton:

Por faciligi la taskon de la Akademianoj, la aŭtoroj aŭ aliaj eldonistoj, estas petataj sendi al la sidejo de la Akademio (Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris) po 20 ekzempleroj de la verkoj prezentitaj por akademia rekompenco."

Ĉu estos permesite al mi aldoni, ke jenaj aŭtoroj erarus, kiuj opinius, ke ili favore influos la Akademion, skribante aŭ skribigante el multaj flankoj por rekomendi sian verkon. La oficiala prezento kaj sendo plene sufiĉas: ĉio plie estas senefika se ne malutila. — Th. Cart."

Ĉar tiu Raporto estas akceptita de la Akademio, ĝi do nun havas leĝoforton kaj taŭgas. Escepte, pro tiu aldono al la Regularo, oni akceptos *ĝis la 31 marto* proksima la proponojn pri verkoj rekompencotaj en 1914. La plena teksto de la Regularo pri verkoj rekompencotaj troviĝas en Tutmonda Jarlibro 1913/14 p. 11 (verda).

.·. **Esperanto kaj polico.** — La ĉefaj Parizaj gazetoj presigis la jenan informon:

Internacia Kongreso de Esperanto okazos en Parizo de la 2 ĝis la 10 aŭgusto. Fremdaj policoficistoj, el kiuj kelkaj apartenas al supera rango, esprimis la intencon ĉeesti por partopreni je speciala polica kunveno. Rilate al tio, S-ro Hennion, polica prefekto, deklaris, ke pro la interesaj rezultatoj atingitaj dank' al la uzo de Esperanto inter diverslandaj administracioj aŭ policoficistoj, li estas preta helpi la Esperantistan Grupon de la Polica Prefektejo, ĉe kiu kiel kutime okazos Esperantaj kursoj.

— La policestro de Edinburgh, sidloko de la Dek-unua Kongreso per oficiala raporto ĵus rekomendis la lernadon de Esperanto al Edinburgh'aj policanoj; li disdonigis al ili 650 lernolibrojn.

— La urbkonsilantaro de Sevilla pligrandigis per ĉiutaga duono da peseto la salajron al policanoj sciantaj Esperanton; sep ĝin tre flue parolas.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (januaro): Novjaraj **pripensoj** (Th. Cart):

„... Fine 1914 bonvolu alporti la plenan konkordon, la plenan unuecon inter ĉiuj soldatoj, kiuj batalas por la venko de la lingvo, kiun ili ŝuldas al la genio de D-ro Zamenhof. Ni ne dubu, amikoj, ilin ĝi alportos. Tiun konkordon, tiun unuecon certigos antaŭ la mondo nia Deka Kongreso, al kies sukceso ni ĉiuj en Francujo fervore celas, kunlaborante mano en mano. Venu do Parizon multaj, multegaj, karaj samideanoj el ĉiuj landoj, ĉar bela estos nia jara festo, por ĉiuj kuraĝiga, por la estonteco de nia kara lingvo vere grandsignifa! Kaj nun aliĝu, aliĝu rapide! Jam preskaŭ mil aliĝis, ili estu baldaŭ du aŭ tri mil! Aliĝu!"

.·. *Germana Esperantisto* (februaro): Leteroj al nova Esperantisto (Onklo Tobias):

„... Via letero skribita en Esperanto montras al mi, ke vi jam sufiĉe bone scipovas nian lingvon; do ne estas necese, ke vi vizitu perfektigan kurson. Tuj vi povas komenci praktikan laboron. Antaŭ ĉio ne okupiĝu tro multe pri lingvaj demandoj kaj teoriaj diskutoj; tion lasu al lingvistoj, kies ĉefa celo ĝi estas. Vi uzu Esperanton same kiel vian gepatran lingvon, ĉe kiu vi ankaŭ ne demandas, ĉu iu vorto estas bona aŭ ne, aŭ ĉu iu gramatika regulo ne taŭgas. Kredu al mia certigo, ke Esperanto en sia nuna formo plene sufiĉas por ĉiuj bezonoj, same bone por la ĉiutaga vivo kiel

por sciencaj pritraktoj. Kiu asertas la malon, tiu estas malprava; aŭ li tute ne konas la strukturon de Esperanto, aŭ li ne scias uzi la lingvon. Pli bona ol la esploro de lingvaj subtilaĵoj estas la legado de bonaj aŭtoroj kaj tradukintoj..."

.·. *Le Monde Espérantiste* (januaro): Pripensoj pri la enketo de *Esperanto* (Raymond Evrot):

„...La tendenco plej ĝenerala kaj komuna en ĉiuj respondoj, krom unu, konsistas en la flankenlaso de la lingva demando: la sukceso de Esperanto rezultos el faktoj, el ĝia uzo. Ĉiuj respondintoj ekzamenas precipe la socian flankon de nia afero: la propagandon, la aplikojn, la pripacan demandon...

...Ĉu dank'al tia propagando ni alvarbos la tutan homaron? Multaj Esperantistoj rezonas jene: „En la mondo estas mil milionoj da homoj; en nia movado estas eble nur unu miliono da Esperantistoj kaj Esperantemuloj; la triumfo de Esperanto estos atingita, kiam la restantaj milionoj estos varbitaj." Sed ni konsciu, ke nia movado sin turnas al la internaciema medio, kiu ne estas tre vasta nune. Se ni ekzamenas la staton de nia movado nur rilate al la amplekso de tiu medio, ni vidos, ke nia movado estas jam sufiĉe grava. Ni pripensu, ke en multaj internaciaj rondoj estas multaj internaciemuloj, sed ne multaj internacianoj; kontraŭe, ĉiu, kiu eniras niajn vicojn estas necese kaj vere internaciano: jen en kio kuŝas la graveco de nia afero. Ni ne petas, ke oni aprobu ian internacian celadon, direktitan de kelkaj ĉefoj: nia afero postulas faktan internaciecon: jen estas ĝia valoro kaj samtempe ĝia malfacilîga noveco. Multon por fari ankoraŭ ni havas! Multajn „Laborulojn" bezonas Esperanto! Sed „venkas Esperanto ĉiutage, kiam unu fojon pli ĝi estas uzita utile" (Sro Privat). La rekompenco al nia laboro estas nuna; ĝi ne kuŝas en estonta neatingebla tuthomara varbiĝo."

.·. *Amerika Esperantisto* (januaro): Pri Nobelpremio al D-ro Zamenhof (Ed. Privat):

„...Ĉu la Nobela Komitato ne baldaŭ decidos fine rekoni la grandan meriton de la aŭtoro de Esperanto dediĉante al li proksiman jaron la premion pri paco? Ni esperas, ke ĉiuj niaj kompetentaj samideanoj, kiuj rajtas fari proponojn al tiu komitato, t. e. ĉiulandaj parlamentanoj, akademianoj kaj Nobelaj premiitoj vigle klopodos por tio dum la nova jaro. Ili montru al tiu komitato en kiom miloj da koroj enblovis Esperanto la fervoron por paco, en kiom miloj da okazoj ĝi jam estis kaŭzo de internaciaj amikiĝoj kaj interhelpoj, en kiom miloj da ĉiulandaj lokoj ĝi semis potencajn radikojn por la granda familia rondo de tutmonda frateco kaj kunlaborado. Ĝis nun eble atendis la Nobela Komitato, ĉar ĝi ne volis rekompenci servojn nur estonte grandutilajn al la homaro, kaj ĝi deziris nur konsideri evidentajn faktojn. Nu, la tempo jam venis."

.·. *British Esperantist* (februaro): Parizo kaj la Kongreso (Paul Blaise):

„...Vera entuziasmo nun regas ĉe la diversaj Parizaj societoj, kaj verdire ĉe ĉiu Esperantisto aparte, rilate al la granda ĉiujara internacia samideana kunvenaro. Ne plu ekzistas la plej malgranda malkompreniĝo inter niaj Parizaj samideanoj. Ĉiuj fine komprenis, ke por la bono de nia afero estas necese, ke ĉiuj laboru kune, ĉiu laŭ sia forto, en sia propra kaj aparta kampo..."

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Grazer Tagespost* (25 jan. kaj 1 febr.); *Die Zeit*, Wien (29 jan.); *Wiener Bilder* (11 jan., kun ilustraĵo); *Illustriertes Wiener Extrablatt* (kun ilustraĵo); *Kronenzeitung*, Wien (kun ilustraĵo); *Reichenberger Zeitung* (30 jan.); *Egerer Zeitung*, *Innsbrucker Nachrichten*; *The Citizen*, Letchworth (6 febr.); *The Butte Socialist* (4 jan.); *Alto Adige*, Trento (21 jan.); *Nowa Gazeta Lodzka* (17 jan.); *Rorschacher Bote* (Esp. rubriko).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Interkonsento kun naciaj Esperantistaj societoj.** — La jenaj naciaj Esperantistaj societoj ĝis nun (1 februaro) subskribis la interkonsenton kun UEA kaj elektis reprezentanton (nomo inter krampoj):

*Bohema Asocio Esperantista* (S-ro Vojtech Kraus).
*Bohema Unio Esperantista* (S-ro P-ro D-ro Vaclav Rosicky).
*Brita Esperanto-Asocio* (S-ro Bolingbroke Mudie).
*Dana Esperantista Ligo* (S-ino Astrid Rybo).
*Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko* (S-ro C. H. Fessenden).
*Franca Societo por propagando de Esperanto* (S-ro M. Rollet de l'Isle).
*Germana Esperanto-Asocio* (La estraro).
*Hispana Societo por propagando de Esperanto* (neelektita).
*Nederlanda Federacio Esperantista* (S-ro P. J. Vermaas).
*Rumana Esperantista Societo* (S-ro D. Constantinescu).
*Svisa Esperanta Societo* (S-ro J. Schmid).

La reprezentantoj de la naciaj societoj studas nun la demandon pri egalvaloreco de la diverslandaj ekzamenoj kaj diplomoj, konforme al la deziresprimo alprenita de la kvara Kongreso de UEA.

**Statistiko.** — Movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum januaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1328 | 4390 | 438 |

Tuta sumo: 6156. Antaŭa monato: 4792. Antaŭa jaro (sama monato): 3258.

**Etato de la Esperantianoj.** Je la 31 januaro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 3888 kotizaĵoj (el kiuj 92 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 321; Studenta Fako: 22.

**Insigno por Delegitoj.** — Ni rememorigas, ke laŭ multnombraj petoj ni eldonis specialan insignon por Delegitoj. Ĝi estas rondforma kun la karakteriza stelo de UEA kaj la plena nomo de nia Asocio per oraj literoj. Prezo (afranke, sed sen rekomendo): 1 Fr. (40 sd.). Por rekomendo, aldonu 25 ct. (10 sd.). Tiu insigno ekzistas en formo de broŝo, pinglo aŭ butono.

**Financoj.**

*Financa Raporto de la Centra Kaso UEA*

(1 novembro 1912 ĝis 31 oktobro 1913)

La bilanco de la pasinta jaro estis finita la 26 novembro kaj kontrolita la 27 januaro 1914. Ĝi montras en la konto de l'havajo:

| *Aktivoj* | (Valoro en Frankoj) | *Pasivoj* | |
|---|---|---|---|
| Kaso | 639. 20 | Konthavantoj | 2.650. 80 |
| Banko | 2.248. 17 | Kreditoroj | 4.858. 65 |
| Esperanto | 1.772. 43 | Enspezoj por 1914 | 844. 82 |
| Librejo | 1.868. 68 | | |
| Konthavantoj | 210. 50 | | |
| Debitoroj | 134. 85 | | |
| Meblaro | 551. 60 | | |
| Pagoj por 1914 | 136. — | | |
| | 7.561. 43 | | |
| Pasiva Saldo | 802. 64 | | |
| | 8.364. 27 | | 8.364. 27 |

El la pasiva saldo de Fr. 802.64 (Sm. 321.05) Fr. 548.42 devenas el la konto de la regulaj kaj Fr. 254.22 el la konto de la diversaj spezoj. La regulaj spezoj dividiĝas jene:

| *Enspezoj* | (Valoro en Frankoj) | *Elspezoj* | |
|---|---|---|---|
| 6010 kotizajoj | 12.586. 11 | Loĝado | 1.008. 65 |
| 149 subtenantoj | 748. 70 | Salajroj | 6.318. 25 |
| Entreprenoj | 2.739. 90 | Korespondado | 1.917. 30 |
| Jarlibro | 1.085. 60 | Materialo | 938. 45 |
| Pagitaj servoj | 100. — | Presajoj | 1.486. 20 |
| Administraj enspezoj | 258. 32 | Jarlibro | 5.170. 85 |
| Sumo | 17.518. 63 | Esperanto por entreprenoj | 841. — |
| Malprofito | 548. 42 | Administraj elspezoj | 386. 35 |
| | 18.067. 05 | | 18.067. 05 |

La perdo de Fr. 254. 22 el la konto „Diversaj spezoj“ estas kaŭzita de faktoj jam diversfoje traktitaj en la kongresaj raportoj; ĝi donas laŭ la cirkonstancoj profiton aŭ malprofiton ne precize antaŭkalkuleblaj. Rilate al la jara perdo de Fr. 800. — estas konsiderinde, ke ĝi entenas gravan amortizon: propagandaj presajoj aĉetitaj por Fr. 350. — kaj parte destinataj al vendado troviĝas nur en la elspezoj, same kiel Fr. 250. — por meblaro. Por la aranĝo de la nova kontrolsistemo de la membroj, kiel por la kompletigo de niaj modestaj oficejoj, ni aĉetis tiun jaron meblojn por Fr. 1030.25, el kiuj Fr. 551.60 estas en la bilanco, Fr. 250.— el la kaso amortizataj kaj Fr. 228. 65 donace ricevitaj por tiu celo.

La buĝeto por 1913 antaŭvidis kun supozitaj 6500 membroj mil frankojn da deficito, kaj por 1912 la bilanco montris malprofiton da Fr. 1138. 55, malgraŭ cifero de elspezoj je Fr. 584. 35 malpli alta ol la nuna. Rimarkinda estas ankaŭ la plena sumo de niaj aferoj, precipe se oni konsideras, kiel ĝi estas ĉefe kunmetata de multegaj malaltaj sumoj, kiujn devas prilabori unu sola kasisto-librotenisto. Kontraŭ 1912, kies ciferoj estas en krampoj, la jaro 1913 montras: Kaso, enspezoj: Fr. 52.507. 52 (42.882. 18); elspezoj: 51.868. 32 (42.704. 83). Sumo de la ĉefa libro: Fr. 185.504. 53 (134.987. 50). Kompare kun tiuj ciferoj nia jara malprofito da 800 frankoj estas ne timiga; kontraŭe ĝi montras, ke, kun la pli alta kotizajo kaj malgraŭ la nigraj antaŭdiroj de kelkaj personoj, ni sukcesas pli bone ol antaŭe kun la tre granda nombro de duonspesmilaj Esperantianoj. Post kiam ni trapasis la danĝeran jaron kun la ŝanĝo de kotizajo kaj perdo de membroj, estas nun nia devo energie varbi novajn Esperantianojn, por ke la nepre necesa nombro de 7000 membroj estu plej baldaŭ reatingita. UEA, kies nuna financa sistemo dividas juste kaj malpeze la ŝarĝojn de l'administrado inter siaj membroj, meritas plej grandan disvolviĝon kaj enspezojn, kiuj permesus efektivigi novajn progresojn.

* * *

La libroj kaj kaso estis, kiel dirite, kontrolitaj la 27 januaro 1914 de S-roj Ed. Mallet, Delegito de Genève, kaj Ch. Jayet, Delegito de Morges. Ilia raporto al la komitato estas: „Kontrolinte kaj trovinte en ordo, ni subskribas kun gratuloj kaj dankoj al la sindonema Financa Fakestro kaj al la kasisto.“

La Financa Fakestro UEA:
*Ed. Stettler* (Bern).

## Novaj Delegitoj.

(Ni publikigas nur la nomojn kaj adresojn de tiuj Delegitoj kaj Vicdelegitoj, kiuj ne aperas en la Jarlibro 1914.)

*Caracas* (Venezuela). — D.: Juan de Dios Mendez y Mendoza, advokato, Calle Este 12, N-ro 4.

*Dijon* (Francujo, Côte d'Or). — SD.: Gabriel Brosselin, studento, Ecole Supérieure de Commerce; SD.: Lucien Bourel, studento, Lycée Carnot.

*Höxter* (Germanujo, Vestfalio). — D.: Karl Christoph, Uferstr. 8.

*Kassa* (Hungario, Abauji, Torna). — VD.: Armand Vilkovszky, bankoficisto, Szt. Laszlo u. 10.

*Plzen* (Aŭstrio, Bohemujo). — VD.: Emanuel Kubasek, Zeleznici domy B 68.

*Roustchouk* (Bulgarujo). — D.: D. Malĉev, redaktoro de „Kultura“.

*Ŝvabenice* (Aŭstrio, Moravio). — D.: Francisko Klvaĉ, ul. Poettingova 121.

*Tampere* (Finnlando). — D.: Otti Launis, poŝtisto, L. puistokatu 16.

*Ungvar* (Hungario). — VD.: Gyula Tapaszto, Kaposi u. 5.

*Zloczow* (Aŭstrio, Galicio). — VD.: Adam Popowicz, juristo, str. Dluga 427.

## Ŝanĝoj.

*Brita Ŝiparo.* — D.: Laurence William Wright, 310 Twyford Ave., Portsmouth, Hants.

*Cuenca* (Hispanujo, Cuenca). — D.: Julio Larranaga Mendia, subinĝeniero de pontoj kaj vojoj.

*Essen-Ruhr* (Germanujo, Rheinland). — D.: Friedrich Pillath, Klementinenstr. 49.

*Konstantinoplo* (Turkujo). — D.: Ph. Godpraiser-Shanovich, Poste Centrale, Gal.

*Krasnojarsk* (Siberio). — D.: N. J. Afanasjeva, Bolŝekaĉenskaja ul., dom Langvald.

*Rimini* (Italujo, Bologna). — VD.: F-ino Angelina Olivari, Via Guerrazzi 1.

*Samara* (Rusujo, Samara gub.). — D.: Aleksandro Kolĉin, fervoja oficisto, ul. Leo Tolstoj 71, loĝ. 1.

*Saratov* (Rusujo, Saratov gub.) — D.: Dm. Romanoviĉ, oficisto, Nemeckaja 8—10, redakcio de gazeto „Saratovskaja Poĉta“.

*Stavropol* (Rusujo, Kaŭkazo). — D.: Aleksandro Antonio Zakrjevski, 31, ul. Mavrinska.

*San Sebastian* (Hispanujo, Guipuzcoa). — D.: Santos Ortiz de Arri, str. Guetaria 10.

*Valence* (Francujo, Rhône). — D.: Auguste Mège, lignisto, 15, rue Mesangère.

## Eksiĝoj.

*Arĥangelsk* (D.: Baczkiewicz); *Borgo Maggiore* (D.: Nicolini); *Domazlice* (D: Kubat); *Ivanovice* (D.: Klvaĉ); *Munkacz* (SD.: de Ruscinsko); *Royan* (VD.: Raguideau); *Stanislawow* (D.: Mayer).

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. *Fajrobrigado kaj Esperanto.* — Dank' al Esperanto, kaj ĉefe dank' al la Del. de UEA estis eble al ni kolekti en malmulte da tempo riĉan materialon statistikan pri la fajrobrigadoj de la tuta mondo. La materialo, kiu ĝis nun estas inter niaj manoj estas plej altvalora kaj interesa laŭ la plej diversaj vidpunktoj. Tamen por kompletigi ĝin ni bezonas ankoraŭ respondojn de 46 Del. Kvankam ni aldonis al nia demandaro respondilon kaj enmetis en ĉiu leter-

kovrilo respondkuponon, ili tute ne respondis. La demandojn ni forsendis jam en oktobro 1913. La Unuiĝo de Leipzigaj fajrobrigadistoj jam bone propagandis per la ricevitaj respondiloj. La fajrobrigada direktoro multe interesiĝas je Esperanto kaj ordonis al 16 brigadistoj lerni Esperanton. Por tio li disponigis eĉ ĉambron en la brigadejo. Samideano Oswald Panzer nun instruas ilin. Ni do ŝuldas duoblan dankon al ĉiuj helpintoj, kiun ni esprimas per tio; samtempe ni insiste petas la 46 Del., kiuj ĝis nun ne respondis, plenumi tuj nian peton uzante por la respondo la transsenditan respondkuponon. La tuta materialo kolektita estos montrata en la domo de Esperanto, kiu troviĝas je la internacia ekspozicio por librokomerco kaj grafikaj artoj en Leipzig 1914. Do ankoraŭ unu fojon sinceran dankon al ĉiuj helpintoj je la nomo de la Unuiĝo de Leipzigaj fajrobrigadistoj: *Bernhard Kötz.*

.·. S-ro *J. Alfus,* Vicdel. en Kraków, esprimas korajn dankojn al S-ro J. Silbernik, Del. en New-York kaj al S-ro P-ro D. O. S. Lowell en Boston pro sukcesa plenumo de sia peto.

.·. S-ro *A. Jodko,* Esp-iano en Sluck, sendas korajn dankojn al S-ro H. A. Epstein, Ĉefdel. en London, kaj S-ro S. Szabunlewicz, Del. en Moskvo pro akurataj kaj precizaj informoj.

.·. S-ro *E. Pill,* Del. en Odessa, sincere dankas S-rojn H. A. Epstein, Ĉefdel. en London, J. P. Nix, Del. en Eastbourne, kaj J. Camescasse, Ĉefdel. en Paris, pro gravaj informoj.

.·. Societo „Esperanto", Esp. Entrepreno en Odessa, plej sincere dankas la personojn, kiuj afable sendis respondojn pri enketo pri la instruado de Esperanto, nome la Del. en Fresnes, Varsovio, Boztel, Aŝĥabad kaj S-rojn R. Wohlstadt, Kiel; E. Markan, Potsdam; H. Nikolaidis, Wathi; V. Zavjalov, Ufa; V. Traĉevski, J. Lisiĉnik, Kiev; H. Madlener, Nürnberg; D-ro Haas, Bielitz; S. Sariĉev, Astraĥan kaj G. Lelarge, Poitiers.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — F-ino Klara Meister, sekretariino de la Hasle-Rüegsaua grupo kaj konsulino de UEA, kun S-ro Wilhelm Haase, sekretario de la Burgdorfa grupo.

— S-ro Stefan Kunerth, Del. en Meran (Tirolo) kun F-ino Elise Trojan (Mähr. Kroman).

**Edziĝo.** — S-ro Starosjelskij, Del. en Aŝĥabad (Turkestano) kun F-ino Viŝnevskaja, Esperantistino.

# Reciproka Informado

Por utili al niaj membroj ni komencis novan servon, kiun ili certe ŝatos. Ĉiu leganto, kiu deziras ion scii pri iu ajn temo (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, legantoj de *Esperanto,* kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj iu povos respondi la demandon. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, kompreneble, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto,* sur kiu ĝi aperis.

3 (15). Libroj pri Italujo (france): *A. Dauzat,* L'Italie Nouvelle (1912); *A. Lemonon,* L'Italie économique et sociale (1861—1912), Librejo Alcan, Paris; *E. Lemonon,* Naples (mouvement industriel, questions sociales), Librejo Plon-Nourrit, Paris; *J. Bertaut,* L'Italie vue par les Français (1913), Librairie des Annales, Paris. — M. 6655.

1 (15). Por tiaj aparatoj sin turni al firmo Enroulens Baron, 71, rue Ste-Anne, Paris. — M. 160.

## Demandoj

8. Mi dezirus koni adresojn (precipe en Germanujo, Britujo, Usono) de kelkaj loĝdomoj, kiuj havas „aldonitajn oportajn ĝeneralajn servojn" por la luintoj, plej ofte la sekvantaj: komunaj salonoj por ludado, legado, konversacio, granda centra kuirejo, granda komuna manĝoĉambro por la luintoj, ĝenerala centra hejtado, ktp.; kie mi povas trovi tiajn adresojn? — M. 6655.

9. Kiu povas doni al mi la adreson de fabrikisto de spongoj ne el *gumo,* sed el *papero?* Plej certe tiu fabriko troviĝas en Germanujo kaj Francujo. — M. 14.

10. Kiu povas rekomendi al mi ruslingvajn verkojn pri plibonigo de la memoro? — M. 1578.

11. Mi estus danka por ekzemploj el la slavaj lingvoj de vortoj finiĝantaj per *ar,* kie la silabo havas la signifon de la esperanta *ar.* (Bona ekzemplo estas boheme *adresar,* malpli perfekta estas rusa *slovar*). Ankaŭ ekzemploj por *em, ul, er, ec, ĉj, nj.* — M. 1564.

# Alvokoj

## Praktikaj sukcesoj de Esperanto

La estraro de la G. E. A. komisiis min, eldoni la festlibron por la IXa Germana Esperanto-Kongreso en Leipzig. Tiu ĉi libro estos titolita „Esperanto, ein Kulturfaktor" (Esperanto kiel kulturhelpilo) kaj aperos komence de majo 1914. Ĝi traktos speciale la temon „Praktikaj sukcesoj de Esperanto". La prilaborota materialo do estas eminente praktika, kaj mi intencas, nepre tiel ĝin trakti. De nia estonta kongreslibro dependas altgrade la poresperanta favorigo de scienculoj, komercistoj, artistoj, oficiroj kaj industriistoj de la urbo Leipzig, de tiu grava centro de l' spirita vivo. Ni alproksimiĝu al malproksimuloj, ni veku la intereson de indiferentuloj, ni konvinku la kontraŭulojn per faktoj, ni triumfe silentigu la pri Esperanto mokantojn. Pro tio mi bezonas kapablajn kunlaborantojn, kiuj el la trezoro de siaj spertoj sciigos al mi faktojn pri la efika aplikado de Esperanto en ĉiuj ajn fakoj. Faktoj reprezentiĝu, ĉar faktoj pruvas. La pruvo mortigu la dubojn. Tial mi ne nur petas, sed pro nia bona afero eĉ postulas, ke oni sendu al mi ĝis la fino de februaro ĉion, kio estas uzebla por montri la progresojn de Esperanto. Mi memorigas vin pri ĉiuj kulturceladoj de la nuntempo. Atentu, ke mi deziras nur dokumentojn pri praktikaj sukcesoj, pri sukcese farita laboro. La nurajn statistikojn, kiuj eble inter ili sin trovos, mi laŭeble transformos en plaĉajn artikoletojn.

Esperantistoj! Ekprenu la armilojn, por kontraŭbatali la antaŭjuĝojn koncerne nian lingvon! Pripensemaj batalantoj eniru la unuan vicon! Ni estu prijuĝataj laŭ niaj sukcesoj! Respondu per koncizaj artikoloj jenajn demandojn aŭ similajn: Kion efikis Esperanto ĝis nun en la fakoj de lernejaj aferoj, de eklezio kaj misio, de kuracista arto, de ruĝkrucanoj, de internaciaj kongresoj, de unuiĝaj kaj federaciaj aferoj, de teorioj pri mondrigardado (monismo, blua kruco, bontemplano, savarmeo, vegetaranoj, teosofio), de l' komerca vivo (katalogoj, korespondado, bankoj) de l' vojaĝoj (UEA), de fervojoj, poŝtaj, ŝipveturaj, policaj, tramvojaj aferoj, de l' artoj (muziko, literaturo, teatro), de bibliotekoj, de esploradoj (geografio, religiaj kultoj, de instruometodoj kaj praktikaj lecionoj, de instruado kaj amikaj interrilatoj en grupoj, de kolektado (grafikaĵoj, markoj, kartoj, moneroj) de privata korespondado, de organizacio (Esperanto-institutoj; estraroj) de interesigo por lingvaj problemoj, de sociaj problemoj, de emigo de registraroj kaj parlamentoj al Esperanto, ktp.

La servo, kiun mi petegas per tio, estu honora ofico por ĉiu

partoprenanto, kaj partoprenu ĉiu, kiu scias iun ajn fakton pri Esperantaj sukcesoj. Mi ne petas nurajn promesojn sed efektivan kunlaboradon. Kaj ne prokrastu, por ke admonoj ne estu necesaj! Plenumi la devojn estu nia honoro! Mia plej granda ĝojo, mia vera fiero estos, en la antaŭparolo de la kongreslibro danki por fidela, multflanka, celkonscia kunlaborado. Tial eklaboru, por la movado, kiun laŭpove ni volas progresigi al vera kulturo — por ke la mondo vidu kaj diru: *La* aktiva entuziasmo entenas la vivon! Esperanto estas vivo!

Pastro *Lösche*,
Lessingstrasse 5, *Leipzig*.

## Grava avizo kaj peto

La Trafika Sindikato (Verkehrsverein) en *Essen* eldonos baldaŭ gvidlibron (24 paĝoj da teksto) redaktitan tute en Esperanto. Provizora eldono: 3000. La kostojn oni intencas malgrandigi per reklamanoncoj (8 paĝoj). Ĉiujn Esp-iajn Entreprenojn, Esp. gazetojn, ktp. mi petas komuniki al mi, ĉu ili estas pretaj mendi anoncon. Kondiĉojn mi sendos. Delegitoj helpu! *F. Pillath*, Del.,
Klementinenstrasse 49, *Essen*.



# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Louis Cavignaux, 62, rue Delanoy, PI.

ANTOFAGASTA (Ĉilio). — S-ino Rosa Bravo, Casilla 354, PM.

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro M. Rodellar, Diputacion 93, poŝtisto, PI (nur kolorajn naciajn kostumojn kaj tipojn, bfl.)

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Amadeo Aguilo, str. Passage Batilo N-ro 4 tiendo.

BILDSTOCK a. SAAR (Germanujo, Rhejnprovinz). — S-ro Thomas Lindemann, (kun ĉiuj landoj, krom Germanujo).

BLAGOVEŜĈENSK a./A. (Siberio). — S-ro Arkadio Borisov, L., PK, fotografaĵo).

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — S-ino Cecilie Jœsten, Marienstrasse 1, PI. (kun ĉiuj landoj).

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — S-ro Theodor Dante, poŝtoficisto, Südhellweg 10, PI. (kun ĉiuj landoj).

BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — S-ro Erich Kleppy, studento, Lessingstr. 61, PI. (kun ĉiuj landoj).

BOLTON (Anglujo). — S-ro W. Jones, St. Helens Road 344, PM., PI., bfl., L. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

CANCON (Francujo, Lot-et-Garonne). — S-ro Eloi Gauthier, PI., bfl.

CHARLOTTENBURG (Germanujo, Brandenburg). — S-ro Arthur Schulze, Krumme Str. 86, PI., PK., L.

CONTICH (Belgujo). — S-ro Const. Verhœven, Nieuwstraat 63

ELBERFELD (Germanujo, Rheinprovinz). — S-ro Carl Bergmann, ĉe von der Heydt-Kersten, bankoficejo, PI., PM. (kaj Esp. gazetojn).

GRANT PARK (Usono, Illinois) — S-ro G. P. Ferree, L. (kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro R. Thyberg, Hagatorget 9, PM.

KETTEN APUD GROTTAU (Aŭstrio, Moravio). — Esp. Societo Esperantejo N-ro 52 (kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj).

KOZELSK (Rusujo, Kaluĵk. gub. selco Derbino). — S-ro P. P. Fon-Asmus, PI.

LIMOGES (Francujo, Haute-Vienne). — Junula Esperantista Grupo deziras korespondadi. Sin turni al S-ro A. Penot, kasisto, 25, Boulevard Gambetta.

LYON-ST-JUSTE (Francujo, Rhône). — S-ro Joseph Martin, 8, rue des Macchabées.

MOSKVO (Rusujo). — Grupo Esp. de komizoj vojaĝantaj deziras korespondi kun ĉiuj landoj; adreso: Petrovka, domo 8, loĝ. 6, „Vojaĝo".

MOSKVO (Rusujo). — S-ro E. E. Makarov, Niĵegorodskaja ul. d. 32, kv. 1.

NEW-YORK (Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 2627 Webster Avenue (kun samideanoj, precipe sinjoroj, kiuj estas pli ol iomete interesitaj pri metafiziko kaj filozofio. Nur sinceraj gesamideanoj, kun la intenco daŭre korespondadi kaj havantaj nenian alian celon ol korespondadi letere, bonvolu skribi).

OLMÜTZ (Aŭstrio, Moravio). — S-ro P-ro Max Murath, Staatsrealschule, PI., PM., bfl.

OLMÜTZ (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Richard Eisler, i. r. fervoja adjunkto, PI., PM., bfl.

OLOMOUC-NOVOSADY 197 (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Antono Kudela, oficisto, Delegito, PI., PM., L., bfl.

OMSK (Siberio). — S-ro Murat-Bek Seitov, Kazakstan Uĉebnaja 86—57.

